# Heleco


Presorgano de Astura Esperanto Asocio
Organo de Asociación Asturiana de Esperanto


Numero 80 Oktobro 2005

**Adreso de A.E.A.**
**c/Begoña, 25 - 2º**
**33206 - GIJÓN**
**Telef. 985 36 29 42**
**Correo electrónico:**
**easturias@telecable.es**

**ASTURA ESPERANTO-ASOCIO** estas esperantista rondo kiu plenumas sian rolon favore al la disvastigado de la Internacia Lingvo unualoke en nia urbo, Gijón, kaj ankaŭ, laŭeble, en tiuj zonoj de la Asturia regiono, kie ne ekzistas lokaj E-Grupoj.
Nia agado disvolviĝas kadre de la:

La ASOCIACIÓN ASTURIANA DE ESPERANTO es un grupo esperantista que realiza su labor por la difusión de la Lengua Internacional en primer lugar en nuestra ciudad, Gijón, y también, en la medida de lo posible, en aquellas zonas de la región asturiana donde no existan grupos esperantistas locales.
Desarrollamos nuestra actividad en el marco de la:

# Cátedra «**Jovellanos**» de Extensión Universitaria

## Enhavo — Contenido

| Enhavo | Paĝo / Página | Contenido |
|---|---|---|
| Nia laboro | 3 | Nuestro trabajo |
| Lingvo kaj Ekonomio | 5 | Lengua y Economía |
| Leciono de Esperanto – Kelkaj partoj de la korpo | 8 | Lección de Esperanto – Algunas partes del cuerpo |
| Stenografio de Esperanto | 10 | Taquigrafía del Esperanto |
| Libra polvo (ombroj de l'pasinteco) | 12 | Polvo de libros (sombras del pasado) |
| Ĝi devas ne plu okazi | 20 | Que no vuelva a ocurrir |
| 4-centjara jubileo de la kiĥoto | 21 | IV Centenario del Quijote |
| La Kiĥoto en Esperanto | 22 | El Quijote en Esperanto |
| La Kiĥoto – Ĉapitro 1 | 23 | El Quijote – Capítulo 1 |
| Hispana Esperanto-Kongreso | 28 | Congreso Español de Esperanto |
| Omaĝo al Fernando de Diego en la hispana kongreso | 30 | Homenaje a Fernando de Diego en el congreso español |
| Fernando de Diego – Konciza biografio de tradukisto | 31 | Fernando de Diego – Breve biografía de un traductor |
| 90ª Universala Kongreso de Esperanto | 33 | 90º Congreso Universal de Esperanto |
| Salutoj al la Kongreso | 34 | Saludos al Congreso |
| La traduka servo de Eŭropa Unio ne funkcias | 36 | El servicio de traducción de la U. Europea no funciona |
| Vilna deklaro | 38 | Declaración de Vilna |
| Eŭrop-Unia Babelo | 39 | La Babel de la Unión Europea |
| 1905 La Unua Universala Kongreso de Esperanto | 41 | 1905 El Primer Congreso Universal de Esperanto |
| 1905 Bulonja Deklaracio | 43 | 1905 Declaración de Boulogne |
| La revuo ESPERANTO estas 100-jara | 45 | La revista ESPERANTO es centenaria |
| La sekreta agendo en Irakio | 46 | La agenda oculta en Irak |
| Kuirante kun Pilar | 50 | Cocinando con Pilar |
| Acid-Humoro | 51 | Humor Ácido |
| Florenco atendas vin | 52 | Florencia te espera |



La eldonado de ĉi-tiu numero de la revuo eblis dank' al la helpo de la Katedro **Jovellanos** pri Universitata Disvastigo.
Leĝa Registro, n-ro. 0/319/85



La edición de este número de la revista fue posible gracias a la ayuda de la Cátedra **Jovellanos** de Extensión Universitaria.
Depósito Legal, número 0/319/85

# Nia laboro

Santiago Mulas Gallego *Prezidanto de AEA*



Jen la numero 80 de HELECO du jarojn post la antaŭa. Por modesta E-grupo kia nia ASTURA ESPERANTO ASOCIO rezultas tro peze regule aperigi revuon HELECO eĉ kun la helpo kiun ni normale ĝuas. Ĉi foje estis la Katedro JOVELLANOS kiu ebligis ĉi tiun eldonon.

Krom tio, la aktivado de la Asocio centriĝis en la precipa celo de nia asocio. La ĉefa nia tasko, kiel Esperanto-grupo estas la instruado de la Lingvo Internacia. Tiurilate, ni daŭre persistis en tiu laboro kaj ekde la paĝoj de tiu ĉi revuo informas la publikon pri la ekzistado de kursoj de Esperanto en nia sidejo kaj la ebleco partopreni en ili.

La sidejo de nia Esperanto-grupo, en la domo de la Katedro JOVELLANOS estas ankaŭ centro de kunvenado ne nur de la membroj de la asocio sed ĝenerale de ĉiuj geesperantistoj kiuj dezirus praktiki la paroladon en la Lingvo Internacia. Por la asocianoj nia grupo disponas ankaŭ bibliotekon en Esperanto.

Ĝenerale, la ekzistcelo de grupoj kia nia ASTURA ESPERANTO ASOCIO estas la kunlaborado kun la Esperantista Movado de la tuta mondo en la disvastigado de la Internacia Lingvo, tasko tre malfacila kaj malrapida en la nunaj cirkonstancoj de la mondo, sed kiel organizita asocio ĝi havas sian propran vivon kaj sociajn aktojn. Speciale grava por ni estas, tiurilate, la jara festo de Esperanto kiu kutime ni celebras en dimanĉo proksima al la 15a de decembro, datreveno de la naskiĝo de L.L.Zamenhof, iniciatinto de La Internacia Lingvo. Tiuokaze ni kunvenas kun la geesperantistoj de alia astura urbo, Avilés, unu jaron en tiu urbo kaj la sekvan en Gijón. Pasintjare la celebrado okazis en nia urbo kaj ĝi konsistis el meso en Esperanto kaj bankedo. La meso okazis en la Pre-

# Nuestro trabajo

Santiago Mulas Gallego *Presidente de AEA*

He aquí el número 80 de HELECO dos años después del anterior. Para un grupo modesto como nuestra ASOCIACIÓN ASTURIANA DE ESPERANTO resulta una gran carga publicar regularmente una revista como HELECO incluso con la ayuda que normalmente disfrutamos. Esta vez fue la Cátedra JOVELLANOS la que posibilitó esta edición.

Aparte de eso, la actividad de la Asociación se centró en su principal objetivo. La prioritaria tarea nuestra, como grupo de Esperanto es la enseñanza de la Lengua Internacional. A ese respecto, persistimos en ese trabajo y desde las páginas de esta revista informamos al público de la existencia de cursos de Esperanto en nuestra sede y la posibilidad de participar en ellos.

La sede de nuestro grupo de Esperanto, en el edificio de la Cátedra JOVELLANOS, es también un centro de reúnión no sólo de los socios de la asociación sino en general de todos los esperantistas que busquen una oportunidad de practicar la conversación en la Lengua Internacional. Para los socios nuestro grupo dispone también de una biblioteca en Esperanto.

Generalmente, el motivo de existencia de grupos como nuestra ASOCIACIÓN ASTURIANA DE ESPERANTO es la colaboración con el Movimiento Esperantista de todo el mundo en la difusión de la Lengua Internacional, tarea muy difícil y lenta en las condiciones actuales del mundo, pero como organización tiene su propia vida y actuación social. Es especialmente importante para nosotros, a este respecto, la fiesta anual del Esperanto que solemos celebrar en un domingo próximo al 15 de diciembre, aniversario del nacimiento de L.L.Zamenhof, iniciador de la lengua Internacional. En esa ocasión nos reúnimos con los esperantistas de otra ciudad asturiana, Avilés, un año en esa ciudad y el siguiente en Gijón. El año pasado la celebración tuvo lugar en nuestra ciudad y consistió en una misa en Esperanto y un banquete. La misa tuvo lugar en la

ĝejo de Sankta Nikolao de Bari, kaj oficis ĝin pastro jezuito Jesús Ángel Fernández, kiu afable konsentis partopreni en nia aranĝo kaj sukcese oficis en Esperanto spit' al tio ke antaŭe li ne konis tiun lingvon.

Nia organizaĵo daŭre plenumos sian taskon, laŭeble. Ni intencas profiti ĉiujn eblecojn aliri al la socio. Socio kiu, grandparte, eĉ malkonas la ekzistado kaj la funkciado de Esperanto. Nuntempe, por la diskonigo de ĉiu ajn afero tre gravas la monda reto, Interreto. Ĝi servas al la sama celo ol Esperanto: la monda interkomunikado. Oni povas diri ke Esperanto kaj Interreto estis faritaj el unu por la alia: ili devas labori kune. Ni, esperantistoj, devas profiti la eblecojn kiujn provizas al ni la monda reto. Ja, aliaj lingvoj ĝuas pli altan rangon je ĉeesto en la reto, sed tamen estas ne malpli ol 18 aŭ 20 milionoj da interretaj paĝoj kiuj estas en Esperanto aŭ temas pri Esperanto en aliaj lingvoj. Tiun ĉeeston ni modeste pligrandigos; ni planas krei ttt-paĝon de AEA. Eble niaj legantoj, kaj multaj aliaj personoj kiuj ne konas nin, povos, post malmulte da tempo, legi niajn kontribuaĵojn ne nur en la revuo HELECO sed ankaŭ en la monda reto.

Iglesia de San Nicolás de Bari, y la ofició el sacerdote jesuita Jesús Ángel Fernández, que consintió afablemente en participar en nuestro acto y ofició con éxito en Esperanto a pesar de que no conocía anteriormente esa lengua.

Nuestra organización seguirá cumpliendo su tarea, en la medida de lo posible. Intentamos aprovechar todas las posibilidades de llegar a la sociedad. Una sociedad que, en su mayoría, desconoce incluso la existencia y el funcionamiento del Esperanto. Actualmente, para la difusión de cualquier materia es muy importante la red mundial, Internet. Sirve al mismo objetivo que el Esperanto: la intercomunicación mundial. Se puede decir que el Esperanto e Internet fueron hechos el uno para el otro: deben trabajar juntos. Nosotros, los esperantistas, debemos aprovechar las posibilidades que nos brinda la red mundial. Ciertamente, otros idiomas disfrutan de un más alto rango de presencia en la red, pero así y todo hay no menos de 18 o 20 millones de páginas de Internet que están en Esperanto o tratan sobre el Esperanto en otros idiomas. Nosotros aŭmentaremos modestamente esa presencia; tenemos pensado crear una página web de AEA. Quizá nuestros lectores, y muchas otras personas que no nos conocen aún, podrán, no tardando mucho, leer nuestras colaboraciones no sólo en la revista HELECO sino también en la red mundial.

**Sankta Meso**



***Dimanco, la 12a de decembro - 2004***

***Preĝejo "Sankta Nikolao", GIJÓN***



**ASTURA ESPERANTO ASOCIO**
c/ Begoña, 25
33206 - GIJÓN (Asturias) HISPANIO




***Esperanta tago: Front-paĝo de la mesa libreto kaj grupa foto de la ĉeestintoj***

***Fiesta esperantista: Portada del libreto de la misa y foto de grupo de los asistentes***

# Lingvo kaj ekonomio

Cesáreo García Fernández
*Prezidanto de Esperanto-Grupo*
*ANTAŬEN de Avilés*



Estis lastatempe en Asturio polemiko pro deklaro de ekonomisto kiu asertis ke la lernado de la angla lingvo en Asturio estas gravega dum lerni la asturan estas "retroiro". Li aldiris ke la pozicio de iu el la partioj kiuj partoprenas en la astura registaro, favora al la oficialigo de la astura lingvo estas "ridinda". Por ĉi tiu sinjoro, nomata Velarde, la politikistoj devus prefere sin dediĉi al la plibonigado de la vivnivelon de la geasturianoj ol al la konservado de la historia lingvo de la astura popolo. Por Velarde, ĉiu strebo celanta la rehavon de la astura lingvo estas perdo da tempo kaj mono. Tutcerte, ĉi tiuj opinioj argumentante la neneceson apogi la asturan lingvon daŭre okazadas ekde kiam naskiĝis iu civitana movado por la normaligado de la astura, la jaron 1974. Ili ne konstituas la plimulton –fakte grandparto el la asturia loĝantaro konsentas kun la lingva normaligado kaj eĉ kun la oficialigo, kvankam multaj, vere, nur "fajfas" pri la afero–, sed la voĉoj kontraŭ la astura lingvo ĝuas elstaran pozicion en sferoj kiel la universitato, la presaro aŭ la Ekonomio. Kiam mi diras ke ili kontraŭas la asturan lingvon tio signifas ke ili montras opozicion al la asignado de samaj rajtoj al la astura ol al la hispana (kiu nuntempe estas la nura oficiala lingvo en Asturio). Tio estas: la rajto al la ĉeesto en la lernosistemo, la komunikiloj, la loknomaj afiŝoj, ktp. Tamen, ĉiuj diras ke ili "amas la asturan", la proksiman asturan kiun ni aŭdis infane de niaj gepatroj, la lokajn dialektojn de nia vilaĝo... Velarde mem deklaris, en la intervjuo kiu provokis la polemikon, ke li estas parolanto de sia propra vilaĝa dialekto, kvankam ne de tiu "elpensaĵo", de tiu ar-

# Lengua y economía

Cesáreo García Fernández
*Presidente del Grupo de Esperanto*
*ANTAŬEN (ADELANTE) de Avilés*

Hubo últimamente en Asturias una polémica por las declaraciones de un economista que aseguraba que el estudio del inglés en Asturias es importantísimo mientras que estudiar el asturiano es un "retroceso". Añadió que la posición de uno de los partidos participantes en el Gobierno asturiano, favorable a la oficialización del asturiano es "ridícula". Para este señor, llamado Velarde, los políticos deberían dedicarse a la mejora del nivel de vida de los asturianos en vez de a la conservación de la lengua histórica del pueblo asturiano. Para Velarde, todo intento de recuperar la lengua asturiana es una pérdida de tiempo y dinero. Por cierto, estas opiniones argumentando la necesidad de apoyar el asturiano tienen lugar desde el nacimiento de un movimiento ciudadano por la normalización del asturiano, en el año 1974. No constituyen una mayoría –de hecho una gran parte de la población asturiana consiente con la normalización lingüística e incluso con la oficialización, aunque muchos, en verdad, pasan del tema–, pero las voces contra el asturiano gozan de una privilegiada posición en esferas como la universidad, la prensa o la Economía. Cuando digo que se oponen al asturiano significa que muestran una oposición a la concesión de los mismos derechos al asturiano que al español (que es actualmente la única lengua oficial en Asturias). Es decir: el derecho a la presencia en el sistema escolar, los medios de comunicación, los letreros toponímicos, etc. Sin embargo, todos dicen que "aman el asturiano", el asturiano carcano que oímos de nuestros padres en la infancia, el dialecto local de nuestra aldea... Velarde mismo declaró, en la entrevista que provocó la polémica, que él habla su propio dialecto aldeano, aunque no la "invención", de esa lengua artificial "similar al Esperanto" que es el asturiano

tefarita lingvo "simila al Esperanto" kiu estas la akademia astura (la Akademio de la Astura Lingvo, kreita en la jaroj 80, estas la oficiala organismo kiu starigis ortografiajn normojn, gramatikon kaj normaligan vortaron). Tutcerte ĉi tie Velarde komparis la normaligitan asturan lingvon kun Esperanto pro tio ke ambaŭ naskiĝis artefarite. Mi aldonus: KIEL ĈIUJ NORMALIGITAJ LINGVOJ. Ni ĉiuj scias –aŭ devus scii– ke la lingvo kiun homa komunumo devas uzi por interkomprenigo estas abstrakta modelo kiu superestas la spontanajn, proprajn realaĵojn. Ni scias ankaŭ ke, plej ofte, tiu "modela" lingvo, prestiĝiita en la lernejo, en la administraciaj dokumentoj, en la televido... fine anstataŭigas la unuatempajn variaĵojn. Ĉi tie en Asturio, la kontraŭuloj al la ASTURA lingva normaligado ŝajne multe ĉagreniĝas pri la ebla malaperigo de la dialektoj pere de la altrudo de la modela lingvo. Sed ili ja ne tro parolas pri la konservado de la HISPANAJ dialektoj kiuj jam delonge suferas la premadon de la hispana normaligita lingvo.

académico (la Academia de la Lengua Asturiana, creada en los años 80, es el organismo oficial que estableció normas ortográficas, una gramática y un diccionario normalizador). Seguramente aquí Velarde comparaba el asturiano normalizado con el Esperanto por que ambos se formaron artificialmente. Yo añadiría: COMO TODAS LAS LENGUAS NORMALIZADAS. Todos sabemos –o deberíamos saber– que el idioma que una comunidad humana debe usar para la comprensión es un modelo abstracto que está por encima de lo espontáneo propio de la realidad. También sabemos que, muy a menudo, esa lengua "modelo", prestigiada en la escuela, en los documentos de la administración, en la televisión... finalmente sustituye a las variantes iniciales. Aquí en Asturias, los oponentes al ASTURIANO normalizado al parecer se encolerizan mucho por la posible desaparición de los dialectos asturianos por la imposición de la lengua modelo. Pero ellos en realidad no parecen preocuparse demasiado por la conservación de los dialectos ESPAÑOLES que ya desde hace mucho tiempo sufren la presión del español normalizado.



**Francisco Javier García Valledor**
Konsiliano pri Justico, Publika Sekureco kaj Eksteraj Rilatoj
Consejero de Justicia, Seguridad Pública y Relaciones Exteriores



**Juan Velarde Fuertes**
Profesoro pri Ekonomio
Catedrático de Economía

Velarde pensas ke la tempo dediĉata al la lernado de la astura lingvo estus multe pli bone uzata lernante la anglan, lingvo "preskaŭ internacia" (tion ili daŭre klopodas pensigi al ni!), kiu nepre helpas la junulojn sukcesi en la labora kaj socia mondo. Lia mencio al Esperanto ne nepre signifas malaprobon de la Internacia Lingvo (la mencio rilatas nur al la artefariteco), sed, laŭ siaj ekonomiaj vidpunktoj, mi timas ke li havas similan opinion pri la lernado de Esperanto: tute negrava tempoperdo. Se nur oni gvidu per ekonomiaj aŭ amas-parolaj kriterioj por adopti lingvon, oni ekkonsideru la ĉinan!

Opinioj kiel tiuj de Velarde lasttempe tre ofte aperas en la asturaj ĵurnaloj eble pro unu kialo: nuntempe elstaraj politikistoj klare esprimas sian favoremon al la astura. La vortoj de Velarde okazigis viglan reagon de la konsiliano pri Justico, kiu pasie defendis la normaligadon de la astura; li deklaris ke sintenon kiel tiu de Velarde fontas el malscio. Por li kaj la angla lingvo kaj la astura estas necesaj, unu afero ne malhelpas la alian.

La aŭtoro de ĉi artikolo laboras de antaŭ du monatoj kiel direktoro de la Oficejo pri Lingvo kaj Astura Tradicia Kulturo en Avilés, la tria urbo de Asturio. Mi ĝojas pro tio ke la nuntempaj politikaj gvidantoj iomete konscias pri la terura danĝero kiun la astura lingvo frontas. Mi estas esperantisto de antaŭ multaj jaroj kaj mi opinias ke lingvo estas taŭga por diversaj aferoj: ĝi ja estas ponto por la homa komunikado (kaj tial mi konsideras Esperanton kiel vera demokratia, neŭtrala kaj inda solvo); sed ĝi ankaŭ estas parto de la homa diverseco, kaj la respekto al ĈIU el tiuj malgrandaj – aŭ grandaj– homaj propraĵoj simple signifas la respekton al la homaro mem. Ni laboru en ambaŭ flankoj, kaj ankaŭ en ĉiu ajn flanko kiu helpus homojn atingi bonstaton, justicon kaj samrajtecon. Servu ekonomio al homoj, ne homoj al ekonomio.

Velarde piensa que el tiempo dedicado al estudio del asturiano sería mucho mejor dedicarlo a estudiar el inglés, lengua "casi internacional" (¡eso intentan hacernos pensar!), que ayuda a los jóvenes a triunfar en el mundo laboral y social. Su mención al Esperanto no significa necesariamente rechazo de la Lengua Internacional (la mención se refiere sólo a la artificialidad), pero, según sus puntos de vista económicos, temo que tenga una opinión parecida sobre el estudio del Esperanto: nada importante, una pérdida de tiempo. Si sólo nos fuésemos a guiar por criterios de economía o de masas de hablantes para adoptar un idioma, ¡habría que empazar a considerar el chino!

Opiniones como las de Velarde últimamente aparecen a menudo en la prensa asturiana quizá por una razón: actualmente distinguidos políticos se muestran claramente favorables al asturiano. Las palabras de Velarde originaron la vigorosa reacción del consejero de Justicia, que defiende con pasión la normalización del asturiano; declaró que una actitud como la de Velarde nace de la ignorancia. Para él tanto el inglés como el asturiano son necesarios, un tema no estorba al otro.

El autor de este artículo trabaja desde hace dos meses como director de la Oficina de Lengua y Tradición Cultural Asturiana en Avilés, la tercera ciudad de Asturias. Me alegro de que los dirigentes políticos actuales se conciencien un poco sobre el terrible peligro que el asturiano debe afrontar. Soy esperantista desde hace muchos años y opino que un idioma es apropiado para diversos fines: es un puente para la comunicación humana (y por eso valoro al Esperanto como verdaderamente democrática, neutral y digna solución); pero es también una parte de la diversidad humana, y el respeto a CADA UNA de esas pequeñas –o grandes– pertenencias humanas significa simplemente respeto a la humanidad misma. Trabajemos en ambos lados, y también en todo sitio que pueda ayudar a las personas a conseguir bienestar, justicia y equidad. Sirva la economía a las personas, no las personas a la economía.

# Leciono de Esperanto
## Kelkaj partoj de la korpo

# Lección de Esperanto
## Algunas partes del cuerpo




| | |
|---|---|
| braceleto | brazalete |
| brovo | ceja |
| buŝo | boca |
| dikfingro | dedo gordo |
| fingro | dedo |
| frunto | frente |
| hararo | cabellera |

| | |
|---|---|
| haroj | pelo, cabellos |
| koliero | collar |
| kolo | cuello |
| lipo | labio |
| manplato | palma de la mano |
| mentono | mentón |
| nazo | nariz |

| | |
|---|---|
| okulo | ojo |
| orelo | oreja |
| pojno | muñeca |
| polekso | dedo gordo |
| polmo | palma de la mano |
| ungo | uña |
| vango | mejilla |




| | |
|---|---|
| brako | brazo |
| brusto | pecho |
| dorso | espalda |
| femuro | fémur, muslo |
| gambo | pierna |
| genuo | rodilla |
| gluteo | nalga |
| hararo | cabellera |

| | |
|---|---|
| kalkano | talón |
| kapo | cabeza |
| kokso | cadera |
| kruro | pierna |
| kubuto | codo |
| maleolo | tobillo |
| mamo | mama |
| mano | mano |

| | |
|---|---|
| piedfingro | dedo del pie |
| piedo | pie |
| plando | planta del pie |
| suro | carne de la tibia |
| ŝultro | hombro |
| tibio | tibia |
| umbliko | ombligo |
| ventro | vientre |

# Stenografio de ESPERANTO

***Interreto*** estas kvazaŭ senfunda puto enhavanta ĉiutipan informacion. Inter tiom ampleksa materialo, foje estas trovebla io utila kaj interesa. Ni prezentas ĉi tie informon trovitan en ttt-paĝo:
http://esperanto.us/sxava_alfabeto/
pri stenografio de Esperanto.

La desegninto de tiu paĝo asignis al ĉi tiu stenografia alfabeto "ŝava" tial ĝi baziĝas en kreitaĵo, por la angla lingvo, fare de la fama verkisto Bernard Ŝav [Shaw]. Pri la kapablo de tiu signaro por plirapidigi la skribadon en Esperanto povos atesti la uzantoj mem. Ni estas invitataj provi. Ni supozas ke ĝi servos bone ĝian celon: ke ĝi estu facila kaj pli rapida skribmaniero por preskaŭ ajna Esperantisto kiu tion deziras.

Jena tabulo prezentas la alfabeton kaj etan aplikon de ĝi. En la sekva paĝo aperas pliajn ekzemplojn de ĝia uzado.

# Taquigrafía del ESPERANTO

***Internet*** es como un pozo sin fondo que contiene todo tipo de información. Entre tan amplio material, a veces se puede encontrar algo útil e interesante. Presentamos aquí una información encontrada en la página web:
http://esperanto.us/sxava_alfabeto/
sobre taquigrafía del Esperanto.

El diseñador de esa página llamó a este alfabeto taquigráfico "ŝava" ya que se basa en una creación, para el inglés, del famoso escritor Bernard Shaw. Sobre la idoneidad de esa colección de signos para acelerar la escritura en Esperanto podrán opinar los propios usuarios. Estamos invitados a probar. Suponemos que servirá perfectamente para su objetivo: que sea una manera rápida y fácil de escribir para casi cualquier esperantista que lo desee.

La siguiente tabla presenta el alfabeto y una pequeña aplicación de él. En la siguiente página aparecen más ejemplos de su uso.

**LA ŜAVA ALFABETO**

a b c ĉ d e f g ĝ h ĥ i j ĵ k l m n o p r s ŝ t u ŭ v z

as es is os us on oj ojn an aj ajn aŭ la kaj

# Libra polvo (ombroj de l' pasinteco)

**Novelo de** *Pjotr Gnediĉ*

Edziĝinte al Ija Arkadjevna, Davido Davidoviĉ diris al ŝi, montrante sian havaĵon:

Mia unika trezoro, Injo, konsistas en mia biblioteko; kvankam ĉi tie estas nur tri mil sescent libroj, sed ili estas zorge elektitaj. Ni havas tute liberan mallumetan ĉambron: tien ni metos ĉi tiujn sep ŝrankojn, sed por ĉi tiu ĉambro ni mendos novajn. Vi ja komprenas, ke pro mia scienca laboro, biblioteko estas mia dua vivo. La filozofo devas observi ĉion senescep-te, ĉiujn fakojn de la scienco kaj arto. Mi havas nur tridek kvar jarojn, sed mi jam posedas raran trezoron. Imagu ĝin post tridek jaroj!

Sed Ija Arkadjevna responde kisis la edzan frunton kaj diris:

— Mia saĝa Davido, ni iom post iom akiros milionon da libroj kaj iĝos la plej riĉaj homoj en la mondo.

— Certe, Injo ne povis scii, kio estas miliono da libroj. Por ŝi, kiel por la Moskva svatistino ĉio super dek mil estis miliono. Tamen duonan jaron post la geedziĝo ŝi rimarkigis:

— Vidu, Davideto, pro tiuj libroj amasiĝas polvo. Kial vi ne tenas ilin en ŝrankoj trans vitro?

Davideto klarigis:

— Komprenu, Injo, mia etulino, kiam oni havas seriozan laboron kaj bezonas porinforme jen tiun, jen alian, jen plian libron, tiam mankas tempo por turni ŝlosilon, malfermi pordeton, fermi ĝin. Ili ja egale restas malfermitaj. Krome, la damnindaj meblistoj ial faras la ŝrankajn pordojn eksterordinare akraj, kaj oni nepre frapas tiujn perkape. Tio precipe mal-agrablas, se oni kaŭre serĉas libron sur la suba breto, kaj poste ekstarante ricevas pordan frapon sur la verton, tiuloke, kie la infanoj havas la fontanelon. Ĝi estas tre danĝera loko.

— Sed, Davideto, eble oni devas pensi, atenti.

— Vi naivas, amikinjo. Verkante sciencan studon, la homo nenion atentas kaj pri nenio pensas. Ne. Mi pretas krompagi al la ĉambristino po tri rublojn monate, ke ŝi unu matenon semajne



# Polvo de libros (sombras del pasado)

**Novela de** *Pjotr Gnediĉ*

Habiéndose casado con Ija Arkadjevna, David Davidoviĉ le dijo, mostrándole sus pertenencias:

Mi único tesoro, Ijiita, consiste en mi biblioteca; aunque aquí hay sólo tres mil seiscentos libroj, pero fueron cuidadosamente elegidos. Tenemos totalmente libre una habitación algo oscura: pondremos allí estos siete armarios, pero para esta habitación encargaremos unos nuevos. Comprenderás, que por mi trabajo científico, una biblioteca es mi segunda vida. El filósofo debe observarlo todo sin excepción, todas las ramas de la ciencia y el arte. Sólo tengo 34 años, pero ya poseo un raro tesoro. ¡Imagínalo cuando hayan pasado treinta años!

Pero Ija Arkadjevna como respuesta besó la frente de su marido y dijo:

— Mi sabio David, poco a poco adquiriremos un millón de libros y seremos las personas más ricas del mundo.

— Por cierto, Injo no podía saber, cuánto es un millón de libros. Para ella, como para la casamentera moscovita todo por encima de diez mil es un millón. Sin embargo medio año después de la boda ella observó:

— Mira, Davidito, a causa de esos libros se acumula el polvo. ¿Porqué no los tienes dentro de armarios con cristal?

Davidito aclaró:

— Comprende, Inita, pequeña mía, cuando se tiene un trabajo serio y se necesita para informarse uno, u otro, u otro libro, falta tiempo para hallar la llave, abrir la puertita, cerrarla. De todas formas quedan abiertas. Además, los carpinteros chapuceros por alguna razón hacen las puertas de los armarios demasiado cortantes, y no deja uno de darse de cabeza contra ellas. Eso es especialmente desagradable si uno se pone en cuclillas para buscar un libro en la estantería de abajo, y después al levantarse se da un golpe con la puerta en la nuca, en ese lugar, donde los niños tienen la fontanela. Es un lugar muy peligroso.

— Pero, Davidito, se debe prestar atención.

— Eres una inocente, amiguita. Cuando se está escribiendo un estudio científico, el hombre no piensa ni atiende sobre otra cosa. No. Estoy dis-

dediĉu al ĝenerala senpolvigo de la libroj. Vi diris: "polvo". Sed la libra polvo havas specialan ĉarmon: delikata, apenaŭ sentebla aromo meze de amara migdalo kaj vanilo. Vi apenaŭ sentas tion, ĉar la flarsenta aparato de l' virinoj estas multe malpli perceptema ol tiu de la viroj; ĝuste tial la viraj kuiristoj preparas nutraĵojn pli bone ol la virinaj.
— Ha, Davideto, ja vi halanĝas, — Ija haltigis lin. — Ĉu la viro povas havi pli akran senton ol la virino?
Tamen tiu interparolo ne fariĝis kverelo, kaj ĝin denove kronis kiso. Tiel estis dum la unua jaro de ilia geedza vivo.

* * *

La libroj estas kiel kunikloj. Se oni ekhavis printempe paron da tiuj sendanĝeraj kreitaĵoj, fine de l' somero ili invados la korton, legomĝardenon, kampon kaj apudan boskon. Ili multiĝas tiel sukcese, ke eĉ la plej fidela membro de l' bestoprotekta societo senbride ekdeziras pafi per ŝrapnelo el kanono aŭ aĉeti arsenikon; ĉe tio lin konsolas la penso, ke el la kunikla felo oni faras ion varman, kaj ke preferindas porti vestojn el ilia felo ol la tutan ĝardenon manĝigi al ili. Same, la libroj. Se oni pendigis unu librobreton, libroj, samkiel nasturcioj, etendiĝas laŭ la tuta muro, okupas la ŝrankojn, venas sur kaj sub la tablojn, sur seĝojn, sur fenestrobretojn kaj, fine, eĉ sur la plankon kaj en ĉiun liberan angulon.
Ne pasis eĉ kvin jaroj post la geedziĝo, sed Ija Arkadjevna jam parolis:
— Ĉu eblas bruligi iom da ili?
Davido Davidoviĉ kun timo alrigardis ŝin:
— Injo, ho Dio! Sed ĉi tie ja estas multaj raraj ekzempleroj.
Ŝi enpense rigardis al la bretoj.
— Diru, — ŝi demandis kun perplekso, — kial plimultaj libroj ne estas tranĉitaj?
— Mi ne amas tranĉi librojn. Mi donos ilin al bindisto, li alportos ilin binditaj, kaj tiam mi tralegos.
— Kiom da volumoj vi havas nun?
— Jam super dek unu miloj.
— Kaj ĉu ili plu kreskos same?
— Mi esperas. Mi jam rimarkis unu loĝejon. Tie oni povos fari super ŝrankoj du vicojn da bretoj... Kaj kial ni ne starigu tri ŝrankojn en la manĝoĉambro? Libroj estas la plej bona ornamo de ĉambro.
— Vi pretas meti ŝrankojn eĉ en la salonon!
— Kial ne? Kiujn ili ĝenos ĉe la muroj? Ve, mal-

puesto a pagar un plus de tres rublos al mes a la limpiadora para que dedique, una mañana a la semana, a la limpieza general de los libros Dijiste: "polvo". Pero el polvo de los libros tiene un encanto especial: un aroma delicado, apenas perceptible entre almendras amargas y vainilla. Tu apenas lo notas ya que el aparato olfativo de las mujeres es mucho menos sensible que el de los varones; justamente por eso los cocineros varones preparan las comidas mejor que las mujeres.
— Ah, Davidito, estás de broma, — Ija le detuvo. — ¿Puede el hombre tener un sentido  más agudo que la mujer?
Pero ese diálogo no derivó en riña, y de nuevo culminó en un beso. Así era durante el primer año de su vida de matrimonio.
* * *
Los libros son como conejos. Si se tenía en la primavera un par de esas criaturas inofensivas, al final del  verano ellos habrán invadido el corral, el jardín, el campo y el bosque vecino. Se multiplican con tanto éxito, que incluso el miembro más fiel de la sociedad protectora de animales sin titubear desearía disparar un obús de cañón o comprar arsénico; ante eso le consuela pensar que de la piel de conejo se fabrica algo caliente, y que es preferible vestir algo de su piel a dejar que todo el jardín sea devorado por ellos. Lo mismo, los libros. Si se colgó una estantería, los libros, lo mismo que  berros, se extienden por toda la pared, ocupan los armarios, vienen encima y debajo de las mesas, sobre las sillas, sobre las repisas de las ventanas y, finalmente, incluso sobre el suelo y en cada esquina libre.
Ne habían pasado ni siquiera cinco años de la boda, pero Ija Arkadjevna ja decía:
— ¿No se puede quemar algunos de ellos?
David Davidoviĉ la miró con temor:
— Ijiita, ¡oh Dios! Pero si aquí muchos ejemplares verdaderamente raros.
Ella miró pensativamente las estanterías.
— Dime, — preguntó ella perpleja, — por qué la mayoría de los libros no están cortados?
— No me gusta cortar libros. Se los daré al encuadernador, los traerá encuadernados, y entonces los leeré.
— ¿Cuántos volúmenes tienes ahora?
— Más de oce mil ya.
— ¿Y seguirán creciendo igual?
— Eso espero. Ya me fijé en una vivienda. Allí se podrán poner dos filas de estanterías sobre los armarios... Y por qué no ponemos tres armarios en el comedor? Los libros son el mejor adorno de una habitación.
— ¡Pondrías armarios hasta en el salón!
— ¿Por qué no? ¿A quién estorbarían en las pa-

aperis konsciencaj bindistoj. Jen rigardu, kion oni alportis: la kovrilo estas maldika, la anguletoj ne estas rondigitaj, sur la librodorso "Hmeljnickij" estas misskribita per malnova ortografio, la paĝoindikilo estas skarlata.
— Kio do, ke ĝi estas skarlata?
— Ne diru, mi havas nur bluajn kaj verdajn: Kaj jen subite — bovsanga koloro…

* * *

La unua kolizio pro la libroj inter la geedzoj okazis je la dektria jaro de ilia komuna vivo. Ija Arkadjevna, dum rutina trarigardo de la enhavo de la edza skribotablo, celante trovi pruvojn pri la edza malfideleco, subite trafis lombardateston. Evidentiĝis, ke unu el la obligacioj de ŝtata prunto — parto de ŝia doto — estas deponita en lombardejo de iu Rubinstein.
Rapidpaŝe alirinte la edzon, kiu sidis sur faldebla ŝtupetaro, kiel pego sur arbo, ŝi permane logis lin malsupren kaj poste metis al lia nazo la paperon kaj venene demandis:
— Kio estas tio?
Kvankam la tempiaj haroj de Davido Davidoviĉ jam delonge arĝentiĝis, kaj li bone sciis, ke la kvina jardeko de lia vivo venas al la fino, — tamen li forte ruĝiĝis.
— Tio, Injo… Mi lombardis: Mi reaĉetos: Ricevos festan premion kaj reaĉetos…
— Kial do vi kaŝis antaŭ mi? Kia kovardo!
— Ĉu mi? Kion vi diras? Mi eĉ ne intencis… Vi vidas, ke la paperoj ne estas kaŝitaj… Mi ja scias, ke vi ĉiutage serĉaĉas en mia tablo.
Brileto de l' fora fulmotondro por momento aperis sur ŝia vizaĝo.
— Kio estas "serĉaĉas"? Vi, Davido, devus pli atente elekti la vortojn.
— Sed mi ja, ŝajne, tre atentas: — li softe balbutis.
— Por kio vi bezonis lombardi mian povran doton, — ŝi ne ĉesis.
Beata infana rideto plenigis lian vizaĝon. Li tenere prenis ŝian manon kaj diris:
— Mi ne povis maltrafi la ŝancon. Estis malkare vendataj du eldonoj: plena verkaro de Rovinskij kaj Ŝekspiro "in folio". Mi aĉetis… Mi ne havis sufiĉe da rimedoj…
Li kisetis la edzinan maneton.
— Mi ne havis sufiĉe… Kaj mi havigis. Mi ne diris al vi, ĉar mi sciis, ke vi insultos.
Ŝi kunŝovis la brovojn.
— Montru tiun "in folio".

redes? Ay, desaparecieron los encuadernadores responsables. Mira, lo que me trajeron: la cubierta es delgada, las esquinas no están redondeadas, El dorso del libro "Hmeljnickij" está chapuceramente escrito con una ortografía antigua, el indicador de página es escarlata.
— ¿Y qué importa, que sea escarlata?
— terrible, yo tengo sólo azules y verdes: Y ahora de repente — color de sangre de toro…

* * *

El primer choque entre los esposos a causa de los libros ocurrió en el décimo tercer año de su vida en común. Ija Arkadjevna, durante una exploración rutinaria del contenido del escritorio de su marido, intentando encontrar pruebas de la infidelidad de su esposo, de repente encontró un certificado de hipoteca. Era claro que una de las garantías de un préstamo estatal — parte de la dote de ella — estaba hipotecada a un tal Rubinstein.
Dirigiéndose rápidamente a su esposo, que estaba sentado sobre una escalera pleglable, como una pega sobre un árbol, le hizo seña de que bajara y después le puso el papel ante sus narices y le preguntó venenosamente:
— ¿Qué es eso?
Aunque ya hacía tiempo que habían plateado la sienes de David Davidoviĉ, y él sabía que llegaba el fin de la quinta decena de su vida, — sin embargo enrojeció fuertemente.
— Eso, Ijiita… Hipotequé: Lo rescataré: Recibiré un premio de una fiesta y lo rescataré…
— ¿Y por qué me lo ocultaste? ¡Qué cobarde!
— ¿Yo? ¿Qué dices? Ni siquiera intenté… Ya ves que los papeles no están ocultos… Ya sé que tu siempre fisgoneas en mi mesa.
Un brillo de trueno lejano apareció por un momento sobre el rostro de ella.
— ¿Qué es "fisgoneas"? David, deberías elegir más atentamente las palabras.
— Sed yo ciertamente, parece, presto atención: — balbució él en voz baja.
— Por qué necesitaste hipotecar mi pobre dote, — insistió ella.
Una beatífica sonrisa infantil llenó la cara de él. Con ternura tomo la mano de ella y dijo:
— No podía perder la oportunidad. Se vendían barato dos ediciones: obras completas de Rovinskij y Sakespeare "in folio". Compré… No me quedó más remedio…
Besó la mano de su esposa.
— No tenía bastante… Y adquirí. No te dije nada pues sabía que insultarías.
Ella contrajo las cejas.
— Enséñame ese "in folio".

Li eltrenis tre dikan libregon kaj triumfe fortumis ties rustiĝintan kovrilon.
— Sed ĝi malpuras kiel lavĉifono! — eksklamis Injo.
— Jes, malpuras, — li ekzaltite ripetis. — Ĝi estas malpuro de kelkaj jarcentoj... Eble ĝi estis juvelo en la biblioteko de la arĥiepiskopo de Canterbury! Aŭ de duko de York... Sed nun estas mi, kiu havas ĝin.
Li mankaresis la makulitan paperon kaj forte premis al sia brusto la bovidan ledon de la bindaĵo.
— Kaj kiom vi pagis pro tiu fatraso?
Li iom silentis. En lia kapo fulmis la perfida penso pri mensogo. Sed Davido Davidoviĉ neniam mensogis. Li rigardis al la edzino per siaj infanece klaraj okuloj kaj diris la sumon.
En la sama momento en la ĉambro aŭdiĝis la karakteriza sonoro de vangofrapo. La konsternita Davido Davidoviĉ reĵetis sin sur la dorson de la fotelo.
— Pro kio? — li sombre demandis.
— Pro tio, — sonis la respondo, — ke mi ne havas taŭgan robon por teatro; pro tio, ke mi ne povas ĉe vespermanĝo surtabligi por la gastoj varmegan rostbovaĵon; pro tio ke ni loĝas en la Nova Vilaĝo en iu truoza somerdometo.
— Aĉa Ija, aĉa Ija! Ja ĝi estas Ŝekspiro! — li ekhurlis.
— Diablo prenu lin kaj ankaŭ vin! — ŝi kriis kaj foriris, frapinte la pordon tiel, ke de apudporda breto forŝutiĝis broŝuroj memorigante la akvofalon Staubach.
— Pro kio? — li ripetis rigardante al la pordo.
* * *
Dum pasis jaroj, inter la geedzoj estis leviĝanta reto da kreskaĵoj, kiu disigis ilin unu de la alia — libroj.
Komence ili dece staris sur librobretoj. Poste ili komencis kunpremiĝi, donante lokon al najbaroj. Iuj kuŝiĝis, aliaj stariĝis. Ĉiam pli dense ili premis sin, jen sole, jen are, kaj disŝutiĝis en la ĉambro. De la planko ili estis atingantaj fenestrobreton, poste singardeme kaj timeme rampis sur ĝin kaj denove kreskadis tie, unue ŝirmante la suban vitron kaj baŭmante ĉiam pli alten. Kiam la plafono estis atingita, ili serpentece ĵetis sian kurbiĝon en apudan ĉambron. Tie ekaperis deko da libroj en etaĝero kaj pasint-jara scienca revuo en angulo. Poste sub la revuo, kvazaŭ kreskinte el breto, ekverdis dika volumo kun bildoj de iuj moneroj. Etaj volumoj de Voltero trovis sian strangan azilon supre kaj rebrilis en sunlumo per siaj oritaj librodorsoj, kiam vespere la suno kisis

Él arrastró un libro muy grueso y presentó triunfalmente su ajada cubierta.
— Pero si está tan sucio como un harapo! — exclamó Ijiita.
— Sí, está sucio, — repitió él exaltado. — Es suciedad de varios siglos... ¡Quizá fue una joya en la biblioteca del arzobispo de Canterbury! O del duque de York... Pero ahora soy yo el que lo tiene.
Acarició el manchado papel y apretó fuertemente contra su pecho el cuero de su encuadernación.
— ¿Y cuánto pagaste por esa basura?
Él guardó silencio. Pasó por su mente la idea de mentir. Pero David Davidoviĉ nunca mintió. Miró a su esposa con sus ojos infantilmente claros y dijo la suma.
En el mismo momento se oyó en la habitación el sonido característico de una bofetada. El consternado David Davidovic se dejó caer sobre el dorso del sillón.
— ¿Por qué? — preguntó él sombríamente.
— Por eso, — sonó la respuesta, — que yo no tengo un vestido apropiado para ir al teatro; por eso, que no puedo dar de merendar a los invitados un asado de ternera caliente; por eso, que vivimos en la Aldea Nueva en una casa de verano muy usada.
— ¡Desgraciada Ija, Desgraciada Ija! ¡Se trata de Sakespeare! — ululó él.
— ¡Que el diablo le lleve y también a ti! — gritó ella y salió cerrando la puerta de tal manera que de una estantería junto a la puerta se derramaron folletos recordatorios de la catarata Staubach.
— ¿Por qué? — repitió él mirando la puerta.
* * *
Con el paso de los años, entre los esposos se levantaba una creciente red que separaba al uno del otro — libros.
Al principio se mantenían correctamente en las estanterías. Después comenzaron a apretarse para dejar sitio a otros. Unos estaban echados, otros se tenían derechos. Cada vez estaban más apretados, a veces solos, a veces desparramados por la habitación. Desde el suelo alcanzaron la repisa de la ventana, después con cuidado y tímidamente reptaron sobre ella y de nuevo crecieron allí, primero ocultando el vidrio inferior y empinándose cada vez más alto. Cuando alcanzaron el techo, serpenteando torcieron hacia la habitación contigua. Allí apareció una decena de libros en un estante y la revista científica del año anterior en una esquina. Después debajo de la revista, como naciendo del estante, verdeó un grueso volumen con imágenes de monedas. Unos pequeños volúmenes de Voltaire encontraron su extraño

ilin per sia oblikva radio. Poste subite estis aperanta ŝranko, kaj ĉiuj libroj — kiel ratoj je la sonoj de magia fluto — impetis sur la ŝrankobretojn. Almenaŭ Ija Arkadjevna trovis ilin tre similaj al la ratoj. Davido Davidoviĉ preferis pli realan komparon. Libroj, kuŝantaj sur la planko kaj fenestrobreto, al li memorigis pasaĝerojn, kiuj longe atendis surstrate taŭgan tramon, kaj kiuj impete rapidis okupi siajn lokojn. Loko sufiĉis por ĉiuj — se ne interne, do surtegmente — kaj la dense ŝtopita ŝranko estis malrapide kovrata de polvo.

Speciala meblisto konstruis grandkapacitajn ŝrankojn. Libroj estis starigataj je tri vicoj, kaj la bretoj estis laŭdezire moveblaj. Por ke libroj ne falu de la ŝrankotegmento, flanke estis instalataj kradoj. Iusomere — kiam Ija Arkadjevna estis kuracata en Lipeck, kaj Davido Davidoviĉ ne povis veturi eĉ al Peterburgaj insuloj aŭ al iu ombrejo, ĉar li estis tre okupita pri la libro "Influo de Hegel, Fichte kaj Spencer al la rusa literaturo" — kvar senlaboraj studentoj estis diligente kompilantaj la katalogon de la biblioteko de Davido Davidoviĉ. Ĉiu libro estis registrata dufoje, sur du apartaj slipetoj — laŭ la nomoj de la aŭtoroj kaj laŭ la titoloj. Ĉio ĉi estis kunigata en longaj vicoj, kiuj kiel grizaj boaoj etendiĝis sur tablo. La studentoj ĉiutage eltrinkis tri samovarojn, sed la katalogado progresis malrapide, kaj je la tri-dek-unua de aŭgusto estis registritaj nur tridek tri mil titoloj.

— Do, prokrastu ĝis la sekva somero, — bonanime konsentis Davido Davidoviĉ, — sed vintre bonvolu ripozi.

* * *

Finfine okazis tio, pri kio antaŭ multaj jaroj ridis Ija Arkadjevna — la ŝrankoj alrampis ĝis la salono. Tiun inundon provizore prokrastigis tio, ke ilia solfilino edziniĝis kaj liberigis sian fraŭlinan ĉambron. La patro strebis okazigi la nupton laŭeble plej rapide, kaj iunokte, revante pri la estonta aranĝo de la vivo, li demandis la edzinon:

— Injeto, ja la edziniĝo de Ksenjo certe ne estos prokrastigita, ĉu?

— Pro kio vi demandas? — duonsonĝe diris ŝi.

— Ĉu vi scias, ke mi tre ŝatus loki en ŝia ĉambro librojn pri teologiaj problemoj.



asilo encima y brillaban a la luz del sol con sus lomos dorados cuando al atardecer el sol los besaba con sus rayos oblicuos. Después repentinamente apareció un armario y todos los libros — como ratas al sonido de una flauta mágica — impetuosamente pasaron a los estantes del armario. Al menos Ija Arkadjevna los encontraba muy parecidos a los ratones. David Davidovich prefería una comparación más real. Los libros, echados sobre el suelo y la repisa de la ventana, le recordaban pasajeros, que esperaban largamente en la calle el tranvía apropiado, y que se precipitaban impetuosamente a ocupar su lugar. Había sitio para todos — si no dentro, entonces encima — y el densamente atestado armario fue rápidamente cubierto de polvo.

Un carpitero especial construyó un armario de gran capacidad. Los libros estaban colocados en tres filas, y las estanterías se podían mover a voluntad. Para que los libros no se cayeran del techo del armario, se instalaron unas rejas laterales. Un verano – cuando Ija Arkadjevna se estaba curando en Lipeck, y David Davidovich no podía viajar ni a las islas de Peterburgo o ir a un balneario, ya que estaba muy ocupado con el libro "Influencia de Hegel, Fichte y Spencer sobre la literatura rusa" – cuatro estudiantes en paro estuvieron compilando diligentemente el catálogo de la biblioteca de David Davidovich. Cada libro era registrado dos veces, en dos carpetas separadas – según los nombres de los autores y según los títulos. Todo esto era reunido en dos largas filas que se extendían sobre la mesa como dos boas grises. Los estudiantes se bebían cada día tres samovares, pero el catálogo progresaba lentamente, y el día 31 de agosto habían sido registrados sólo treinta y tres mil títulos.

— Bueno, aplacémoslo hasta el verano próximo, — consintió de buena gana David Davidovich, — pero durante el invierno haced el favor de reposar.

* * *

Por fin ocurrió lo que hizo reir a Ija Arkadjevna muchos años antes— los armarios reptaron hasta el salón. Provisionalmente aplazó esa inundación el que la hija única de ellos se casó y dejó libre su habitación de soltera. El padre procuró acelerar la boda todo lo posible, y una noche, con ilusión sobre el futuro arreglo de la vida, preguntó a su esposa:

— Ijita, no se aplazará la boda de Ksita, verdad?

— ¿Por que lo preguntas? — dijo ella en sueños.

— Quiza sepas que me gustaría mucho poner en

— Freneza maniulo! — kriis Injeto kaj turnis al li sian dorson.
— Kvar ŝrankoj vice, — li revis, — kaj katolikismo apud la fenestro.
— Donu al mi trankvilon almenaŭ nokte, — finfine kriis la tenera edzino, forŝirante de si la kovrilon. — Vi ne havis la rajton edzinigi min. La homoj de via speco devas ĉiam resti fraŭlaj.
— Kaj virgaj! — li subite aldiris.
Tion ŝi ne atendis.
— Kial virgaj? — ŝi demandis post ioma pripensado.
— La edziĝinto zorgas pri sia edzino... — li timide balbutis.
— Ĉu vi multe zorgis?
Sekvatage post la nupto la ĉambro de Ksenjo estis dense, kiel vojaĝsako, ŝtopita per ĉiaspecaj libroj. Por plezurigi la edzinon, Davido Davidoviĉ komencis stoki tie verkojn pri framasonismo kaj okultismo, kaj poste tien trafis studo pri origino de kokbataloj, naŭvoluma astronomio, historio de lud-kartoj kaj aliaj libroj. Sur la planko restis nur streta pasejo, ambaŭflanke de kiu ĉiutage, kiel muroj da maturiĝanta sekalo, estis konstante altiĝantaj amasoj da libroj. Finfine la digo estis breĉita, kaj la fluo, preter la manĝoĉambro, inundis rekte en la salonon.
Injeto komence ekploris. Poste ŝi paciĝis kun sia sorto. Ŝia animzorganto diris al ŝi:
— Estu kuraĝa! Eĉ pli grandaj plagoj povas trafi la homon.
Kaj ŝi trovis kuraĝon. Ŝi indiferente rigardis, kiel la inundo de libro-lafo estis transformanta ilian loĝejon al Pompejo. La muroj jam delonge malvidebliĝis, kaj ĉiuj delonge forgesis la koloron de la tapetoj en la ĉambroj. La fenestroj estis duone ŝirmitaj de librobarikadoj kaj nur avare enlasis la lumon supre. Por servi la manĝojn la ĉambristino devis transpaŝi la historion de Holstinio. La antaŭĉambro estis apoganta sin sur la librokolonoj, kaj vizitantoj metis siajn mantelojn sur malnovajn eldonaĵojn de la Akademio. Finfine, Davido Davidoviĉ foje invitis la domadministranton al si, longe tenis lian manon kaj, finfine, dolĉe diris:
— Kara sinjoro, permesu al mi sur la ŝtuparplaceto meti unu ŝrankon kun libroj. Ĝi estas tre bone farita kaj ŝlosebla; nur kvar arŝinojn alta kaj tri arŝinojn larĝa.
* * *
Lia sano ŝanceliĝis. Aperis tusado kaj kronika korizo. En la fingroj aperis iuj spasmoj, kaj la plumo ne obeis lian manon kaj saltetis. La hepa-

su habitación libros de problemas teológicos.
— ¡Loco maniático! — gritó Ijiita y le volvió la espalda.
— Cuatro armarios en fila, — se ilusionó él, — y el catolicismo junto a la ventana.
— Déjame tranquila al menos de noche, — gritó finalmente la tierna esposa, aventando la manta. — No tenías derecho a desposarme. Los hombres como tú deben quedar solteros para siempre.
— ¡Y vírgenes! — añadió él súbitamente.
Eso no lo esperaba ella.
— ¿Por qué vírgenes? — preguntó tras pensarlo un poco.
— El esposo cuida de su esposa... — balbució él tímidamente.
— ¿Acaso cuidaste tú mucho?
Al día siguiente de la boda la habitación de Ksita estaba, como un saco de viaje, repleta de libros de todo tipo. Para complacer a la esposa, David Davidovich comenzó a almacenar allí obras sobre masonería y ocultismo, y después cayó por allí un estudio sobre el origen de las peleas de gallos, una astronomía en nueve volúmenes, una historia de la baraja y otros libros. En el suelo quedó sólo un estrecho pasillo, a cuyos lados cada día, como muros de centeno madurando, sin cesar crecían las masas de libros. Al fin se abrió una brecha en el dique, y la corriente, rebasando el comedor, inundó directamente el salón.
Ijiita primero se echó a llorar. Después se resignó. Su psiquiatra le dijo:
— ¡Sé valiente! Cosas peores le pueden venir a una persona.
Y ella tuvo valor. Miraba indiferente, cómo la lava de libros estaba transformando su vivienda en una Pompeya. Ya hacía tiempo que no se podían ver las paredes, y nadie recordaba el color del tapizado de las habitaciones. Las ventanas estaban medio cubiertas de barricadas de libros y sólo dejaban entrar un poco de luz por arriba. Para servir las comidas la camareras debían dar zancadas por encima de la historia de Holstein. La antecámara se apoyaba sobre columnas de libros, y los visitantes colocaban sus abrigos sobre antiguas ediciones de la Academia. Por fin, una vez David Davidovich invitó al al administrador de la casa, sostuvo largamente su mano y, finalmente, le dijo dulcemente:
— Querido señor, permítame poner un armario con libros el el descansillo de la escalera. Muy bien hecho y se le puede echar la llave; sólo cuatro arshines de alto y tres de ancho.
* * *
Su salud vacilaba. Apareció una tos y catarro. En los dedos aparecieron algunos espasmos, y la

to ial pufiĝis. Je iu belega printempa tago al li venis lia malnova gimnazia kamarado, profesoro de medicino Brückner.
— Sesdek ok jaroj estas tre respektinda aĝo, — li diris. — Kaj por vivi ankoraŭ dek kvin jarojn, vi devos apliki kelkajn rimedojn.
— Kiaj laŭ vi estos la rimedoj? — li sombre demandis.
— Piediru ne malpli ol kvar horojn ĉiutage, trinku mineralan akvon, sekvu dieton kaj pensu pri nenio.
— Kaj ĉefe, li ne plu legu siajn stultajn librojn! — Ija sufloris.
— Jes, malpli multe legu, — konfirmis la doktoro. — Mi restarigos vin, kaj vi denove sentos vin en la origina stato. Aliokaze, viaj aferoj estos tre malbonaj. Mi ne garantios al vi eĉ unu vivojaron.
Davido Davidoviĉ iomete paliĝis kaj okulumis siajn librojn.
— Komprenu, ke la libroj formanĝis nin! — parolis Ija Arkadjevna. — Ili forpelis nin el la loĝejo. Ĉi tie loĝas ne ni, sed la libroj.
— Jes, mi vidas, ke eĉ sub via lito estas enciklopedioj, — diris la doktoro rigardante sub lian kuŝejon. — Ja ili malbonigas la aeron kaj malsanigas ĝin per libra polvo. Mi konsilas al vi vendi duonon aŭ eĉ naŭ dekonojn de la biblioteko.
— Ja ni luas por ili loĝejon kontraŭ mil sepcent rubloj! — emociiĝis la edzino, — Sed mem loĝas kvazaŭ en kelo; ni ne vidas la lumon kaj ne povas inviti gastojn…
— Jes, jes… Ni tion ŝanĝos, — diris Brückner. — Mi mem veturos al banurbo, kaj mi kunprenos ankaŭ lin. Ni lin restarigos. Aŭtune por vi komenciĝos “renesanca epoko”.
* * *
Do la lerneja kamarado forveturigis Davidon Davidoviĉ je kelkaj miloj da verstoj. Tie oni vekis lin matene je la sesa horo. Li legis nur gazetojn, kaj aĉetis en kiosko nur volumeton de Maupassant, pri kiu li multe aŭdis. Maupassant ŝajnis al li poeto de la homoj kun mizera mondkoncepto, sed tion li diris al neniu.
Nur unu fojon li forte ekscitiĝis, kiam la edzino skribis al li, ke ŝi ŝanĝas la loĝejon, kaj ke de la Alarĉina ponto ili translokiĝos al la Ĉernyŝova ponto… Ŝi informis, ke nur pro la veturigo de la biblioteko veturigisto postulas naŭdek rublojn, ĉar ĝi konsistigos ne malpli ol dek ŝarĝveturiloj. Davido Davidoviĉ tiel ekscitiĝis, ke li eĉ intencis senprokraste reveni en Peterburgon, sed la doktoro ne permesis al li tion kaj forveturigis lin ien por ripozo.

pluma no obedecía su mano y temblaba. El hígado fallaba. Un bello día primaveral le visitó su viejo colega del instituto, el profesor de medicina Brückner.
— Sesenta y ocho años es una edad muy respetable, — dijo él. — Y para vivir aún quince años más, deberás aplicar algunos cuidados.
— Y según tú ¿cuáles son los cuidados? — preguntó él sombríamente.
— Camina no menos de cuatro horas cada día, bebe agua mineral, sigue una dieta y no pienses en nada.
— Y principalmente, ¡que no siga leyendo sus estúpidos libros! — apuntó Ija.
— Sí, lee mucho menos, — confirmó el doctor.
— Te restauraré, y te volverás a sentir en el estado original. De lo contrario, tus asuntos irán muy mal. No te garantizo ni un año de vida.
David Davidovich palideció y miró sus libros.
— ¡Comprende que los libros nos consumieron! — dijo Ija Arkadjevna. — Nos echaron de la vivienda. Aquí no vivimos nosotros sino los libros.
— Sí, veo que hasta encima de tu cama hay enciclopedias, — dijo el doctor mirando bajo el colchón. — Dañan el aire y te perjudica el polvo que producen. Te aconsejo vender la mitad o incluso las nueve décimas partes de la biblioteca.
— ¡Tenemos alquilada para ellos una vivienda por mil setecientos rublos! — se emocionó la esposa, — Pero nosotros mismos vivimos como en una celda; no vemos la luz y no podemos invitar a nadie…
— Sí, sí… Cambiaremos eso, — dijo Brückner.
— Yo mismo viajaré a un balneario, y le llevaré conmigo. Le curaremos. En el otoño comenzará para ti “un renacimiento”.
* * *
Así pues el compañero de escuela hizo viajar a Davido Davidovich a varios miles de verstas. Allí se le despertaba por la mañana a las seis. Sólo leía revistas, y compró en un quiosco sólo un libro de bolsillo de Maupassant, sobre el que había oído mucho. Maupassant le pareció el poeta de los hombres con un concepto miserable del mundo, pero no se lo dijo a nadie.
Sólo una vez se excitó mucho, cuando la esposa le escribió que cambió la vivienda, y que del Puente de Alarĉina se trasladaban al Puente Chernyshova… Ella informaba que sólo por el traslado de la biblioteca un transportista le pide noventa rublos, ya que se precisan no menos de diez vehículos de carga. David Davidovich se excitó tanto que incluso intentó volver a Peterburgo sin más tardar, pero el doctor no le dejó hacer eso y le condujo a algún lugar para reposo.

Post la kuracado li revenis al la sino de Ija. Ija renkontis lin en la stacio kaj diris al li, dum ili estis veturantaj hejmen:
— La loĝejo estas ĉarma. Kara, vi estos kontenta, ja ĝi estas multe pli bona ol la prizono Alarĉina.
Ŝi estis ravita pro lia sana aspekto. Li vigle suriris laŭ luksa ŝtuparo al la dua etaĝo. Li venis en la etan antaŭĉambron, en la etan salonon. Li impete ĵetis sin en la manĝoĉambron, en la dormoĉambron, en sian kabineton.
En la kabineto staris nur unu granda ŝranko, la prapatro de lia biblioteko. Aliaj ŝrankoj mankis.
— Sed kie estas la libroj? — li demandis, sentante, ke lia malsupra makzelo malleviĝas.
— Mi vendis ilin kiel makulaturon, — ŝi triumfe deklaris. — Neniu brokantisto konsentis pagi eĉ unu groŝon. Sed vidu, kia vasto estas ĉirkaŭe! Nun ni povas diri, kiel gejunuloj — ĉu vi memoras? — de la franca pentraĵo: "Enfin seuls!"
Nokte Davido Davidoviĉ havis deliron. Simile al Aŭgusto, kiu petis de Varus revenigon de la legioj, li la tutan nokton paroladis:
— Fia Ija, fia Ija, redonu al mi miajn librojn!..
Sed ili estis venditaj kiel makulaturo.
* * *
Dum ĉirkaŭ unu semajno Davido Davidoviĉ vagadis kiel ombro de Hamleto apud Ĉernyŝova ponto. Subite lin iluminis genia ideo.
Li estis staranta kontraŭ la Publika Biblioteko. Li rememoris, ke ties direktoro estas lia delonga amiko.
Post kvin minutoj li jam sidis en la direktora kabineto.
— Se vi deziros, — diris la direktoro, — ekde la deka horo matene ĝis la fermo la biblioteko estos je via servo. Mi petos meti por vi tablon en aparta ĉambro — prenu librojn el ĉiuj fakoj… Prenu ilin eĉ hejmen, se vi deziros…
Post tio la fia Ija vidis Davidon Davidoviĉ nur inter la kvina kaj sesa horoj dum la tagmanĝo. La tutan ceteran tempon li pasigis en la Publika Biblioteko laborante pri la nova studo: "Kiel John Stuart Mill komprenis la filozofion de William Hamilton".

**Notoj**

**Gnediĉ, Pjotr Petroviĉ** (1855–1925). Verkisto, dramaturgo. *Libra polvo* aperis en ĵurnalo *Rossija* (1910).
**Rovinskij, Dmitrij Aleksandroviĉ** (1824–1895). Ruslanda socia aganto kaj sciencisto, akademiano, arthistoriisto.
**Nova Vilaĝo**. Distrikto norde de Peterburgo.
**Alarĉina ponto** estas en la distrikto Kolomna; tiam ĝi estis preskaŭ ekster la urbo kun provinca etoso k neriĉa loĝantaro.
**Ĉernyŝova ponto** (nun Lomonosova ponto) estas en aristokrata urboparto.

Tras la curación volvió con Ija. Ija le encontró en la estación y le dijo, mientras regresaban a casa:
— La vivienda es encantadora. Querido, estarás contento, ciertamente es mucho mejor que la prisión Alarchina.
Ella estaba encantada por el sano aspecto de él. Él subió vigorosamente por la lujosa escalera al segundo piso. Entró en la pequeña antecámara, en el pequeño salón. Se dirigió impetuosamente al comedor, al dormitorio, a su gabinete.
En el gabinete había sólo un gran armario, el más antiguo de su biblioteca. Los otros armarios faltaban.
— pero dónde están los libros? — preguntó él, sintiendo que la maxila inferior se le caía.
— Lo vendí como relleno de embalaje, — declaró ella triunfalmente. — Ningún tratante consintió pagar ni un céntimo. Pero mira, ¡cuánto espacio libre! Ahora podemos decir, como de jóvenes — ¿te acuerdas? — lo de la pintura francesa: "Al fin solos!"
De noche David Davidovich tuvo un delirio. Al igual que Augusto, que pedía a Varo que devolviera sus legiones, el decía durante toda la noche:
— ¡Malvada Ija, malvada Ija, devuélveme mis libros!..
Pero habían sido vendidos como embalaje.
* * *
Durante casi una semana David Davidovich vagaba como una sombra de Hamlet junto al puente Chernyshova. De repente le iluminó una idea genial.
Estaba junto a la Biblioteca Pública. Recordó que su director era un antiguo amigo.
Cinco minutos después se encontraba en el despacho del director.
— Si quieres, — dijo el director, — desde las diez de la mañana hasta el cierre la biblioteca estará a tu servicio. Pediré que pongan una mesa para ti en un cuarto apartado — coge libros de cualquier materia… llévalos incluso a casa, si lo deseas…
Después de eso la malvada Ija veía a David Davidovich sólo entre las cinco y las seis durante la comida. El resto del tiempo él lo pasaba en la Biblioteca Pública trabajando en el nuevo estudio: "Cómo John Stuart comprendió la filosofía de William Hamilton".

**Notas**

**Gnedich, Pjotr Petrovich** (1855–1925). Escritor, dramaturgo. *Polvo de libros* apareció en el periódico *Rossija* (1910).
**Rovinski, Dmitri Aleksandrovich** (1824–1895). Activista social ruso y científico, académico, historiador de arte.
**Aldea Nueva**. Distrito en el norte de Petersburgo.
**Puente Alarchina** en el distrito Colomna; en esa época estaba fuera de la ciudad con ambiente provinciano y población pobre.
**Puente Chernyshova** (hoy puente Lomonosova) está en la parte aristocrática de la ciudad.

# ĜI DEVAS NE PLU OKAZI



# QUE NO VUELVA A OCURRIR

Estas dat-revenoj ne-memorindaj. Ĉi-jare estas la sesdek-jara datreveno de la eksplodigo de la unuaj atombomboj. La 6ª de aŭgusto de la jaro 1945, ĵetita de usona aviadilo, atombombo tutdetruis la japanan urbon *Hiroshima*. Tri tagojn poste okazis same al la urbo Nagasaki. En tute, mortis tiam en tiuj urboj preskaŭ du cent mil personoj. Poste mortis multaj pli pro la efiko de la radioaktiveco, kies sekvoj pludaŭras hodiaŭ en homoj travivintaj tiun katastrofon.

La fum-fungo de la eksplodo de tiuj atom-bomboj fariĝis, fakte, la lasta bildo de la Dua Mond-Milito. Milito en kiu mortis multaj milionoj da personoj, okazis multaj sangaj bataloj, invadoj de landoj en Eŭropo kaj Azio, bombardado de grandaj urboj kaj eĉ rasmortigoj... Tiu milito, pli ol ĉiuj antaŭe en kvanto kaj kvalito, estis vera elmontro de ĉiuj malbonoj kiujn la homo povas fari al aliaj homoj.

Kiu ajn venku en la militoj, ĉiam restas venkata la homaro. En la militoj la homoj montras la plej malbonajn ecojn de si mem. Ĉiukaze, la militaj interfrontiĝoj atestas pri tio ke la homaro ne trovis alian vojon por la solvo de siaj konfliktoj. Tio estas la ĉefa pruvo de la malsukceso de nia specio sur la Tero. Spite al ĉiu disvolviĝo kaj progreso en la scienca kaj teknika terenoj, la homoj de la nuna epoko plu similas al ties trogloditaj praavoj. Fakte, la atombomboj de Hiroshima kaj Nagasaki, kaj ceteraj, pli potencaj, armiloj inventitaj kaj disvolviĝitaj de tiam, estas veraj mirindaĵoj, rigardataj de vidpunkto de la superregado de la scienco kaj la fortoj de la Naturo fare de la homo, sed dume, tiu homo daŭre estas la ĉiama danĝera estaĵo kiu ne kapablas alfronti siajn problemojn sen perforto. La ĝisnuna historio de la homaro estas la raporto de la krimoj de la homo kontraŭ la homo.

La rememorigo de la finiĝo de tiu mondmilito, al kiu sekvis pluaj militoj kaj masakroj de tiam, estos utila nur se ni konscias pri tio ke devas ĉesi, definitive kaj por ĉiam, la perforto por alfronti la malakordon inter la homoj. Devas ne plu okazi atombombardadoj, militoj, terorismo, ekspluatado inter la popoloj. La vera homa historio komenciĝos kiam nia specio sukcesu ĉesi en la trairado sur tiu vojo.

Hay aniversarios que no agrada recordar. Este año es el sesenta aniversario de la explosión de las primeras bombas atómicas. El 6 de Agosto de 1945, una bomba arrojada desde un avión norteamericano, destruyó totalmente la ciudad japonesa *Hiroshima*. Tres días después le ocurrió a la ciudad de *Nagasaki*. En total, murieron entonces en esas ciudades casi doscientas mil personas. Después murieron muchas más por la radiactividad, cuyas consecuencias persisten aún en personas afectadas por aquella catástrofe.

El hongo de la explosión de aquellas bombas resultó, de hecho, la última imagen de la Segunda Guerra Mundial. Una guerra en la que murieron muchos millones de personas, tuvieron lugar muchas batallas sangrientas, invasiones en Europa y Asia, bombardeos de grandes ciudades y hasta genocidios... Esa guerra, más que ninguna otra en calidad y cantidad, fue una genuina muestra de todos los males que el hombre inflinge a sus semejantes.

Quien sea el que venza, en las guerras siempre es derrotada la humanidad. En ellas los hombres muestran lo peor de sí mismos. Los enfrentamientos bélicos atestiguan que el hombre no halló otro camino para solucionar sus conflictos. Esa es la principal prueba del fracaso de nuestra especie sobre la Tierra. A pesar de todo el desarrollo y progreso en los terrenos técnico y científico, los hombres de la actualidad se parecen a sus antepasados trogloditas. De hecho, las bombas atómicas de Hiroshima y Nagasaki, y demás armas, más potentes, inventadas y desarrolladas después, son verdaderos prodigios del ingenio humano en su dominio de la ciencia y las fuerzas naturales, pero a la vez, el hombre sigue siendo el mismo ser peligroso que no es capaz de afrontar sus problemas sin violencia. La historia de la humanidad es la narración de los crímenes de unos hombres contra otros.

El recuerdo del fin de la guerra mundial, a la que siguieron otras guerras y masacres, será útil sólo si nos concienciamos de que debe cesar, del todo y para siempre, la violencia para afrontar el desacuerdo entre los hombres. No debe haber más bombardeos, guerras, terrorismo, explotación entre los pueblos. La verdadera historia humana comenzará cuando nuestra especie consiga interrumpir su marcha por ese camino.

## 4-centjara jubileo de la Kiĥoto

La romano **Don Kiĥoto el Manĉo,** publigita unuafoje ĝuste antaŭ 400 jarojn, estis verkita de Miguel de Cervantes Saavedra. Ĝenerale, oni konsideras ĝin la ĉefa literatura verko en la hispana lingvo kaj la unua romano kaj grava ĉefverko de la tutmonda literaturo. De tiam, la romano estis multfoje tradukita al preskaŭ ĉiuj lingvoj, inter ili ankaŭ al **Esperanto**.

Fakte, en la jaro 1605 estis publikita nur la una parto de la Kiĥoto nun konata. Tiam, la verko estis konsiderita definitiva de sia aŭtoro. Sed poste aperis alia romano kun sama titolo, verkita de iu nomata Alonso Fernández de Avellaneda. Tiu nova Kiĥoto tre mal-similis laŭ stilo, karaktero kaj celo de la Ki-ĥoto de Cervantes. Do ĉi tiu publikigis en la jaro 1615 duan parton de sia romano kun multenombraj fi-aludojn al la plagiaĵo de Avellaneda.

La temo de la novelo estas la aventuraj vojaĝoj de la hidalgo (plej malalta rango de la nobelaro de Kastilio) Alonso Kiĥano kiu, freneziĝinte pro troa legado de prikavaliraj romanoj, sin kredas li mem kavaliro kaj alprenas nomon "Kiĥoto" kaj kavalirajn vestaĵojn kaj armilojn, kaj marŝadas aŭ migradas akompanita de samvilaĝano, Sanĉo Panza, kiu rolas kiel ŝildo-portanto.

En sia frenezo, la ekstertempa (anakronisma) kavaliro vidas kastelojn kie estas nur gastejoj, kaj batalantajn armeojn kie estas nur ŝafaroj, kaj malamikajn gigantojn kie estas nur vent-mueliloj... kaj ĉefe, li imagas ke kamparana najbarino, Dulcinea de Toboso, estas bela princino al kiu li oferas sian amon kaj fidelecon. Al sia ŝildisto Sanĉo li promesas la regadon de riĉa provinco...

La kavaliro kaj sia ŝildisto travivas, laŭlonge de la romana rakonto, diversajn aventurojn kiu, ĝenerale, kulminas per malagrablaĵoj por ambaŭ kaj por aliaj personoj... malgraŭ iliaj noblaj intencoj.

La aŭtoro de la romano pretendas ke la celo de sia verko estas konsciigi la legantaron pri la vanteco, senutileco kaj damaĝeco de la prikavalira literaturo kaj ties troa legado fare de grandaj tiuepokaj popol-amasoj. Sed eble tiu eksplicita celo estis nur preteksto aŭ duaranga pretendo. Eble la kerna ideo aŭ instruo de la "Kiĥoto" estas montri la kontraŭdiron aŭ kontraston inter la idealismaj emoj kaj la vere ekzistanta realaĵo, inter la bonaj celoj kaj ties nedezirindaj rezultoj, inter la utopioj kiuj inspiras la homojn kaj la frukto de la homaj streboj. Tiu mesaĝo validas ne nur por la hispanoj de la epoko de Cervantes sed por ĉiuj homoj de ĉiuj popoloj en ĉiuj tempoj, tial la mondskala, ĉiuepoka sukceso de tiu verko. Rezulte de la influo de tiu libro, la vorto "kiĥoto" signifas nun en ĉiuj lingvoj: **idealisto malgraŭ realo**.



















## IV Centenario del Quijote

La novela **Don Quijote de la Mancha,** publicada por primera vez hace justamente 400 años, fue escrita por Miguel de Cervantes Saavedra. Se la suele considerar la principal obra literaria en lengua española y la primera novela y una gran obra de arte de la literatura mundial. Desde entonces, la novela fue muchas veces traducida a casi todos los idiomas, entre ellos también al **Esperanto**.

De hecho, en el año 1605 se publicó sólo la primera parte del Quijote que ahora conocemos. Entonces, la obra fue considerata definitiva por su autor. Pero después apareció otra novela con el mismo título, escrito por un tal Alonso Fernández de Avellaneda. Ese nuevo Quijote se diferenciaba mucho en el estilo, carácter y objetivos del Quijote de Cervantes. Por eso éste publicó en el año 1615 una segunda parte de su novela con numerosas alusiones ácidas al plagio de Avellaneda.

El tema de la novela son los viajes aventureros del hidalgo (rango inferior de la nobleza castellana) Alonso Quijano que, habiendo enloquecido por la excesiva lectura de libros de caballería, se cree a sí mismo un caballero y toma el nombre de "Quijote" y vestiduras y armas de caballero, y marcha o migra acompañado de un vecino de su misma aldea, Sancho Panza, que ejerce de escudero.

En su locura, el extemporáneo (anacrónico) caballero ve castillos donde sólo hay fondas, y ejércitos en batalla donde sólo hay rebaños de ovejas, y gigantes donde sólo hay molinos de viento... y en especial, se imagina que una aldeana, Dulcinea del Toboso, es una bella princesa a la que ofrece su amor y fidelidad. A su escudero Sancho le promete el gobierno de una rica provincia...

El caballero y su escudero viven, a lo largo de la narración, diversas aventuras que, por lo general, terminan desagradablemente para ambos y para otros... a pesar de sus nobles intenciones.

El autor del libro pretende que el objetivo de su obra es concienciar a los lectores sobre la vanidad, inutilidad y daño de los libros de caballería y el abuso de su lectura por parte de amplias masas populares de su época. Pero quizá ese objetivo explícito sea sólo un pretesto o un fin secundario. Quizá la idea central o enseñanza del "Quijote" es mostrar la contradicción o contraste entre las tendencias idealistas y la realidad existente, entre las buenas intenciones y sus resultados indeseables, entre las utopías que inspiran a los hombres y el fruto de los intentos humanos. Ese mensaje es válido no sólo para los españoles de la época de Cervantes sino para todos los hombres de todos los pueblos y todas las épocas, de ahí el éxito mundial y duradero de esa obra. Como resultado de la influencia de ese libro, la palabra "quijote" significa ahora en todas las lenguas: **idealista a pesar de la realidad**.

# LA KIĤOTO EN ESPERANTO

Inter la multaj lingvoj al kiuj estis tradukita la plej grava verko de Cervantes aldoniĝis ankaŭ la Internacia Lingvo **Esperanto**, kiu estus naskiĝinta preskaŭ tri jarcentojn post la unua eldono de "**La Kiĥoto**". La tradukaĵoj de ĉiutipaj verkoj al Esperanto estas kroma pruvo de la kapableco de tiu ĉi idiomo.

En la kazo de La Kiĥoto, la unua provo okazis en la jaro 1905 kiel partopreno en la celebrado de la tria Centjaro de tiu verko. La **Hispana Societo por la Propagando de Esperanto** kunvokis internacian konkuron de tradukado de partoj de la Kiĥoto. La venkintaj tekstoj, fare de Carlo Bourlet, Geo C. Law y Vicente Inglada estis publikigitaj en iu libro, titolita: "Tri ĉapitroj el la hispana verko: La sprita junkro Don Kiĥoto de Manĉujo".

Post tiu nekompleta provo venis aliaj. La sekva estis, en la jaro 1909, tiu de la kataluna esperantisto Frederic Pujulà i Vallès, kiu publikigis tradukaĵon de kvin ĉapítroj: la parto de la aventuroj de Don Kiĥoto kiu disvolviĝis en Barcelono. Alia parta provo, pri la komenca parto de la Kiĥoto, okazis en la jaro 1927 fare de Julio Mangada Rosenörn.

Post la civilmilito, en la jaro 1955, estis farita alia parta traduko. Luis Hernández Lahuerta publikigis unu el la historioj inkrustitaj en la unua parto de la Kiĥoto: la novelo de la **Malprudenta Scivolulo**.

La kompleta traduko de **La Kiĥoto** al **Esperanto** aperis, finfine, en la jaro 1977. Ĝia tradukinto estis Fernando de Diego, forpasinta en junio ĉi-jare. Diego tradukis al Esperanto verkojn de multaj aŭtoroj: Lorca, Pío Baroja, Cela, Valle-Inclán, Neruda, García Márquez, Castelao, Balzac, Hemingway... Al la tradukado de la Kiĥoto li dediĉis dudek jarojn. La libro havas pli ol ok-cent paĝojn, kaj estas plibeligita per bildoj de Gustavo Doré.

# EL QUIJOTE EN ESPERANTO

Entre los muchos idiomas a los que fue traducida la obra cumbre de Cervantes vino a estar también la Lengua Internacional **Esperanto**, que habría de aparecer casi tres siglos después de la primera edición de "**El Quijote**". Las traducciones al Esperanto de todo tipo de obras son una muestra más de las potencialidades de este idioma.

En el caso de El Quijote, el primer intento esperantista tuvo lugar en 1905 como participación en la celebración del tercer centenario de esa obra. La **Sociedad Española para la Propaganda del Esperanto** convocó un concurso internacional de traducción de partes del Quijote. Los textos vencedores, obra de Carlo Bourlet, Geo C. Law y Vicente Inglada se publicaron en un libro, con el título (en Esperanto): "Tres capítulos de la obra española: El Ingenioso Hidalgo Don Quijote de la Mancha.

Después de este ensayo parcial vinieron otros. El siguiente fue, en 1909, el del esperantista catalán Frederic Pujulà i Vallès, que publicó una traducción de cinco capítulos: la parte de las aventuras de Don Quijote que se desarrolla en Barcelona. Otro intento parcial, referido al comienzo del Quijote, tuvo lugar en 1927 a cargo de Julio Mangada Rosenörn.

Después de la guerra civil, en 1955, se realizó otra traducción parcial. Luis Hernández Lahuerta publicó una de las historias incrustadas en la primera parte del Quijote: la novela del **Curioso Impertinente**.

La versión completa de **El Quijote** al **Esperanto** vería la luz, por fin, en el año 1977. Su traductor fue Fernando de Diego, fallecido en Junio del presente año. Diego vertió al esperanto obras de muchos autores: Lorca, Pío Baroja, Cela, Valle-Inclán, Neruda, García Márquez, Castelao, Balzac, Hemingway... A la traducción del Quijote dedicó veinte años. El libro consta de más de ochocientas páginas, y está adornado por los grabados de Gustavo Doré.



















# La Kiĥoto — El Quijote

La speciala dediĉiĝo de ĉi tiu numero de nia revuo al la verko **Don Kiĥoto el Manĉo,** en la kvara Centjaro de ĝia publikigo estas omaĝo, samtempe, al tiu ĉi famkonata novelo je tutmonda skalo, al ties verkisto **Miguel de Cervantes**, samkiel al ĝia Esperant-lingva tradukaĵo kaj ties tradukinto **Fernando de Diego**, lasttempe forpasinta.

Sekve ni publikigas la tekston de la unua ĉapitro de la Kiĥoto en ĝia originala versio laŭ Cervantes kaj en Esperanto laŭ la tradukaĵo de De Diego.

La especial dedicación de este número de nuestra revista a la obra **Don Quijote de la Mancha,** en el cuarto Centenario de su publicación es un homenaje, a la vez, a esta novela mundialmente famosa, a su autor **Miguel de Cervantes**, así como a la versión en Esperanto de la misma y a su traductor **Fernando de Diego**, recientemente fallecido.

A continuación publicamos el texto del primer capítulo del Quijote en su versión original de Cervantes y en Esperanto según la traducción de De Diego.

# Ĉapitro 1

## Kiu temas pri la stato kaj la viv-maniero de la fama hidalgo Don Quijote de la Mancha.


n vilaĝo de La Mancha, kies nomon mi ne volas memori, antaŭ ne longe vivis hidalgo el tiuj kun lanco en rako, antikva ŝildo, osta ĉevalaĉo kaj rapida levrelo. Ŝtufaĵo pli ofte bova ol ŝafa en matenoj, haketita viando kun salo preskaŭ en ĉiu nokto, grivoj kaj frititaj ovoj sabate, lentoj vendrede, kaj plie kolombido dimanĉe prenis tri kvaronojn de lia enspezo. La alian kvaronon konsumis velura sajo, pluŝaj kuloto kaj pantofloj por festaj tagoj, dum en la cetero de la semajno li kontentiĝis portante delikatan lanaĵon.

Li tenis en sia domo mastrumantinon kun pli ol kvardek jaroj, nevinon ankoraŭ ne dudekjaran kaj laborulon doman kaj agran, kiu same okupiĝis selante la ĉevalaĉon kiel uzante la serpon.



Nia hidalgo havis proksimume kvindek jarojn. Li estis fortika, magra, kavavizaĝa, frua ellitiĝanto kaj amiko de la ĉaso. Oni diras, ke li portis la nomon Quijada aŭ Quesada (ĉar ekzistas kelka diferenco de opinio inter la aŭtoroj skribintaj pri ĉi temo), kvankam laŭ seriozaj konjektoj, ŝajnas, ke li nomiĝis Quijana. Sed tio ne gravas al nia rakonto: sufiĉas, ke ĝi ne deviu de la vero eĉ unu solan punkton. Oni sciu do, ke la supre menciita hidalgo, en siaj horoj de nenio-farado, t. e. dum la pli granda parto de la jaro, sin fordonis al la legado kun tiom da persisto kaj plezuro, ke li preskaŭ tute neglektis ĉasi kaj eĉ administri sian bienon; kaj ĝis tia ekstremo iris lia scivolo kaj ekstravaganco ĉi-rilate, ke li vendis multajn akreojn da plugotero por aĉeti kaj legi kavalir-librojn, kaj tiel li prenis hejmen, kiom da ili li trovis. Inter ili, plej plaĉis al li la verkoj de la fama Feliciano de Silva, ĉar ties klara prozo kaj komplikaj rezonoj ŝajnis al li veraj perloj, precipe kiam li legis pri galantaĵoj kaj defioj ofte skribitaj laŭ jena stilo: "La nekompreneblaj rezonoj, kiujn al mia komprenemo oni pre-

# Capitulo 1

## La condición y ejercicio del famoso hidalgo Don Quijote de la Mancha.


n un lugar de la Mancha, de cuyo nombre no quiero acordarme, no ha mucho tiempo que vivía un hidalgo de los de lanza en astillero, adarga antigua, rocín flaco y galgo corredor. Una olla de algo más vaca que carnero, salpicón las más de las noches, duelos y quebrantos los sábados, lentejas los viernes, algún palomino de añadidura los domingos, consumían las tres partes de su hacienda. El resto de ella concluían sayo de velate, calzas de velludo para las fiestas, con sus pantuflos de lo mismo, y los días de entre semana se honraba con su vellón de lo más fino.

Tenía en su casa un ama que pasaba de los cuarenta, y una sobrina que no llegaba a los vein-te, y un mozo de campo y plaza, que así ensillaba el rocín como tomaba la podadera.

Frisaba la edad de nuestro hidalgo con los cincuenta años. Era de complexión recia, seco de carnes, enjuto de rostro, gran madrugador y amigo de la caza. Quieren decir que tenía el sobrenombre de Quijada, o Quesada, que en esto hay alguna diferencia entre los autores que de este caso escriben, aunque por conjeturas verosímiles se deja entender que se llamaba Quijano. Pero esto importa poco a nuestro cuento, basta que en la narración de él no se salga un punto de la verdad. Es, pues, de saber que este sobredicho hidalgo, los ratos que estaba ocioso, que eran los más del año, se daba a leer libros de caballerías, con tanta afición y gusto, que olvidó casi de todo punto el ejercicio de la caza, y aún la administración de su hacienda; y llegó a tanto su curiosidad y desatino en esto, que vendió muchas fanegas de tierra de sembradura para comprar libros de caballerías en qué leer, y así llevó a su casa todos cuantos pudo haber de ellos, y, de todos modos, ningunos le parecían tan bien como los que compuso el famoso Feliciano de Silva; porque la claridad de su prosa, y aquellas intrincadas razones suyas le parecían de perlas; y más cuando llegaba a leer aquellos requiebros y cartas de dasafíos, donde en muchas partes hallaba

zentas, tiel ŝancelas mian komprenon, ke kompreneble, mi plendas je via belega moŝtulino", Kaj ankaŭ kiam li legis: "La altaj ĉieloj, kiuj vian moŝton dian per steloj fortigas, igas vin merita je la merito, kiun meritas via grandeco".

La kompatinda kavaliro perdadis la saĝon super tiaj rezonoj kaj klopodis ilin kompreni kaj klarigi al si ties sencon, kvankam Aristotelo men kaptus neniom kaj eltirus nenian signifon el ili, eĉ se li reviviĝus nur tiucele. Ne tre plaĉis al li la vundoj faritaj kaj ricevitaj de don Belanís, ĉar li imagis, ke lia vizaĝo kaj korpo certe plenis de cikatroj kaj markoj, kiom ajn eminentis la ĥirurgoj lin kuracintaj. Tamen li laŭdis la promeson de la aŭtoro iam daŭrigi kaj meti finon al tiel senfinaj aventuroj, kaj multfoje nia hidalgo sentis la deziron preni mem la plumon kaj alskribi al la libro la finan parton. Kaj sendube tion li entreprenus, kaj eĉ plenumus, se ne malhelpus lin aliaj pensoj pli gravaj kaj konstantaj.

Kun la pastro de sia vilaĝo, dokta homo licenciita ĉe Sigüenza, li diskutis multajn fojojn, ĉu estis pli bona kavaliro, Palmerín de Anglujo aŭ Amadís de Gaŭlio. Sed majstro Nicolás, la barbiro de la vilaĝo, diris, ke plej grandis la Kavaliro de la Suno, kaj ke, apenaŭ komparebla kun li, povos esti nur don Galaor, frato de Amadís de Gaŭlio, ĉar Galaor havis komplezeman naturon, ne montriĝis tiel afekte delikata nek tiel ploremа kiel lia frato, kaj laŭkuraĝe li rangis eĉ ne unu colon post li.

Resume, la libroj tiel absorbis lin, ke dum la noktoj li legis de helo ĝis helo, kaj dum la tagoj de obskuro ĝis obskuro, kaj tiel, pro multa lego kaj apenaŭa dormo, sekiĝis al li la cerbo, tiamaniere, ke li tute perdis la saĝon. Lia fantazio pleniĝis per ĉio, kion li legis en la libroj: ensorĉoj, kvereloj, bataloj, defioj, vundoj, galantaĵoj, am-aferoj, tempestoj kaj neeblaj absurdoj. Kaj tiel fiksiĝis al li en la kapo, ke la tuta aparato de elpensitaj fabeloj estas vera, ke por li ne ekzistis en la mondo historio pli aŭtentika. Li asertis, ke Cid Ruy Díaz estis tre bona kavaliro sed ne komparebla kun la Kavaliro de la Arda Glavo, kiu per unu sola trahako dividis en du partojn paron da ferocaj kaj monstraj gigantoj. Li havis eĉ pli bonan opinion pri Bernardo del Carpio, ĉar ĉe Roncesvalles li mortigis inter la brakoj la ensorĉitan Rolando, same kiel Heraklo la titanon Anteo. Li daŭre parolis pri la giganto Morgante, ĉar li sola montriĝis afabla kaj ĝentila, kvankam li apartenis al generacio de orgojlaj kaj insolentaj grandeguloj. Sed, precipe, li diris multon bonan pri Reinaldos de Montalbán, ĉefe kiam li image vidis lin elrajdi el sia kastelo, rabi kion li renkontis kaj transmare ŝteli idolon de Mahometo tute oran laŭ

escrito: "La razón de la sinrazón que a mi razón se hace, de tal manera mi razón enflaquece, que con razón me quejo de la vuestra fermosura". Y también cuando leía: "Los altos cielos de vuestra divinidad divinamente con las estrellas os fortifican, y os hace merecedora del merecimiento que merece la vuestra grandeza". Con estas razones perdía el pobre caballero el juicio, y desvelábase por entenderlas y desentrañarles el sentido, que no se lo sacara ni las entendiera el mismo Aristóteles, si resucitara sólo para ello.

No estaba muy bien con las heridas que don Belanís, daba y recibía, porque se imaginaba que, por grandes maestros que le hubiesen curado, no dejaría de tener el rostro y todo el cuerpo lleno de cicatrices y señales. Pero, con todo, alababa en su autor aquel acabar su libro con la promesa de aquella inacabable aventura, y muchas veces le vino el deseo de tomar la pluma y dalle fin al pie de la letra, como allí se promete; y sin duda alguna lo hiciera, y aún saliera con ello, si otros mayores y continuos pensamientos no se lo estorbaban.

Tuvo muchas veces competencia con el cura de su lugar, que era hombre docto, graduado en Sigüenza, sobre cuál había sido mejor caballero, Palmerín de Inglaterra o Amadís de Gaula; más Maese Nicolás, barbero del mismo pueblo, decía que ninguno llegaba al Caballero del Febo, y que si alguno se le podía comparar, era don Galaor, hermano de Amadís de Gaula, porque tenía muy acomodada condición para todo; que no era caballero melindroso, ni tan llorón como su hermano, y que en lo de la valentía no le iba a la zaga.

En resolución, él se enfrascó tanto en su lectura, que se le pasaban las noches leyendo de claro en claro, y los días de turbio en turbio, y, así, del poco dormir y del mucho leer, se le secó el cerebro de manera que vino a perder el juicio. Llenósele la fantasía de todo aquello que leía en los libros, así de encantamientos como de pendencias, batallas, desafíos, heridas, requiebros, amores, tormentas y disparates imposibles. Y asentósele de tal modo en la imaginación que era verdad toda aquella máquina de aquellas sonadas soñadas invenciones que leía, que para él no había otra historia más cierta en el mundo. Decía él, que el Cid Ruy Díaz había sido muy buen caballero, pero que no tenía nada que ver con el Caballero de la Ardiente Espada, que de sólo un revés había partido por medio dos fieros y descomunales gigantes. Mejor estaba con Bernardo del Carpio, porque en Roncesvalles había muerto a Roldán el encantado, valiéndose de la industria de Hércules, cuando ahogó a Anteo, el hijo de la Tierra, entre los brazos. Decía mucho bien del gigante Morgante porque, con ser de aquella generación gigante, que todos son soberbios y descomedidos, él solo era afable y bien criado. Pero sobre todos estaba bien con Reinaldos de Montalbán, y más cuando le veía salir de su castillo, y robar cuanto topaba, y cuando

la historio. Kaj li volontege fordonus sian mastrumantinon kaj aldone eĉ sian nevinon por la eblo tani la haŭton de la perfida Galalón.

Nu, kiam li tute perdis la saĝon, venis al li en la kapon la plej stranga ideo, neniam antaŭe trafinta frenezulon en ĉi mondo. Ŝajnis al li konvene kaj necese, tiel por grandigo de lia honoro, kiel por servo al lia lando, fariĝi vaganta kavaliro kaj iri tra la mondo kun armaĵo kaj ĉevalo, serĉante aventurojn kaj farante kion, laŭ liaj libroj, plenumis la vagantaj kavaliroj: ripari arbitrojn kaj riski sin en agojn kaj danĝe-ron, kiuj, se superitaj, havigas eternan honoron kaj famon. La kompatinda imagis, ke pro la kuraĝo de sia brako li jam ricevis la kronon de, almenaŭ, la imperio de Trebizondo; kaj pelate de la stranga plezuro, kiun vekis en li tiel agrablaj pensoj, li rapidis efektivigi sian deziron.

Unue li frote purigis armaĵon, kiu apartenis al liaj praavoj, kaj kiu, rusta kaj ŝima, kuŝadis jam de longega tempo, forgesite, en angulo. Li elfrotis kaj riparis ĝin kiel eble plej bone, sed rimarkis gravan mankon: la kasko estis nur simpla kapopeco sen viziero. Tamen li inĝenie aranĝis tion, ĉar li faris per kartonoj specon de viziero, kiu, fiksita al la kasko, donis al la turo aspekton de kompleta helmo. Estas vere, ke por vidi, ĉu ĝi havas sufiĉan forton por elteni la hakojn, li elingis la glavon, frapis per ĝi du fojojn la vizieron, kaj jam per la unua bato kaj en unu momento ruinigis kion li antaŭe konstruis dum unu semajno. Ne tre plaĉis al li ĝia facila rompiĝemo, kaj por eviti al si tian danĝeron, li refaris la vizieron metante fer-stagnetojn sur ĝia interna flanko, ĝis li kontentiĝis je gia eltenemo; kaj ne zorgante submeti ĝin al nova provo, li juĝis la tuton kiel kompletan helmon eksterordinare bonan.

Poste li iris vidi sian ĉevalaĉon, kaj kvankam ĝi ha-vis pli da afekcioj ol realo centavojn, kaj pli da difektoj ol la ĉavalo de Gonela, kiu *tantum pellis et ossa fuit,* ŝajnis al li, ke nek Bucefalo, de Aleksandro la Granda, nek Babieca, de Cid Ruy Díaz, egalis ĝin. Kvar tagojn li pasigis cerbumante kiun nomon li donu al la ĉevalo, ĉar -li diris en si- ne estus juste, ke rajdbesto bona per si mem kaj apartenanta al renoma kavaliro ne havus faman nomon; tial li celis elekti unu, kiu proklamus, kia estas la ĉevalo antaŭ ol ĝia mastro fariĝis vaganta kavaliro, kaj kia ĝi estis nun; vere, se la mastro ŝanĝiĝis al nova stato, ankaŭ la ĉevalo devus alpreni nomon faman kaj laŭte sonantan, kiel decis al lia nova ordeno kaj funkcio. Tiel do, li elpensis, trastrekis, transformis kaj refaris en sia memoro kaj fantazio multajn nomojn, ĝis fine li nomis la ĉevalon Rocinante, nomo, laŭ li, alta, sonora kaj signife

en allende robó aquel ídolo de Mahoma, que era todo de oro, según dice su historia. Diera él, por dar una mano de coces al traidor de Galalón, el ama que tenía, y aún a su sobrina de añadidura.

En efecto, rematado ya su juicio, vino a dar en el más extraño pensamiento que jamás dió loco en el mundo, y fue, que le pareció convenible y necesario, así para el aumento de su honra como para el servicio de su república, hacerse caballero andante, e irse por todo el mundo con sus armas y caballo, a buscar las aventuras, y a ejercitarse en todo que él había leído que los caballeros andantes se ejercitaban, deshaciendo todo género de agravio, y poniéndose en ocasiones y peligros, donde, acabándolos, cobrase eterno nombre y fama. Imaginábase el pobre ya coronado por el valor de su brazo, por lo menos del imperio de Trebisonda, y, así, con estos tan agradables pensamientos, llevado del extraño gusto que en ellos sentía, se dio prisa a poner en efecto lo que deseaba.

Y lo primero que hizo fue limpiar unas armas que habían sido de sus bisabuelos, que, tomadas de orín y llenas de moho, luengos siglos había que estaban puestas y olvidadas en un rincón. Limpiolas y aderezolas lo mejor que pudo; pero vio que tenían una gran falta, y era que no tenían celada de encaje, sino morrión simple; más a esto suplió su industria, porque de cartones hizo un modo de media celada, que, encajada con el morrión, hacían una apariencia de celada entera. Es verdad que para probar si era fuerte y podía estar al riesgo de una cuchillada, sacó su espada y le dió dos golpes, y con el primero y en un punto deshizo lo que había hecho en una semana; y no dejó de parecerle mal la facilidad con que la había hecho pedazos, y, por asegurarse de este peligro, la tomó a hacer de nuevo, poniéndole unas barras de hierro por de dentro, de tal manera, que él quedó satisfecho de su fortaleza, y, sin querer hacer nueva experiencia de ella, la diputó y tuvo por celada finísima de encaje.

Fue luego a ver su rocín, y, aunque tenía más cuartos que un real y más tachas que el caballo de Gonela, que *tantun pellis et ossa fuit,* le pareció que ni el Bucéfalo de Alejando, ni Babieca el del Cid con él se igualaban. Cuatro días se le pasaron en imaginar qué nombre le pondría, poque, según se decía él a sí mismo, no era razón que caballo de caballero tan famoso, y tan bueno él por sí, estuviese sin nombre conocido, y, así, procuraba acomodarsele de manera que declarase quién había sido antes que fuese de caballero andante, y lo que era entonces; pues estaba muy puesto en razón que, mudando su señor estado, mudase él también el nombre, y cobrase famoso y de estruendo, como convenía a la nueva orden y al nuevo ejercicio que ya profesaba; y así, después de muchos nombres que formó, borró y quitó, añadió deshizo y tomó a hacer en su memoria e imaginación, al fin le vino a llamar Rocinante, nombre, a su parecer, alto, sonoro y

indikanta tion, kio la besto antaŭe estis, kaj ankaŭ tion, kio ĝi estis nun: la unua inter ĉiuj ĉevaloj de la mondo.

Doninte nomon al la ĉevalo tiel konforman al lia gusto, li decidis fari la samon rilate sin mem kaj cerbumadis ok pliajn tagojn ĝis fine li alprenis al si la nomon Don Quijote; kiel supre dirite, sur tio sendube baziĝis la aŭtoroj de ĉi vera historio por konjekti, ke li certe nomiĝis Quijada, ne Quesada, kiel aliaj asertis. Sed memorante, ke la kuraĝa Amadís, ne kontenta je tiu sola nomo, alprenis ankaŭ la nomon de sia regno por famigi ĝin, kaj nomiĝis Amadís de Gaŭlio, same li, kiel bona kavaliro, volis aldoni al sia nomo tiun de sia lando kaj nomi sin Don Quijote de la Mancha. Li pensis, ke li tiel proklamus sian familion kaj ankaŭ sian landon, kiun li honoris alprenante ĝian nomon.



La armaĵo jam estis pura, la kasko, kompleta, la ĉevalaĉo havis sian nomon, li la sian, kaj tiam li ekpensis, ke mankas nur serĉi damon, al kiu enamiĝi, ĉar vaganta kavaliro sen am-aferoj similas al arbo sen fruktoj kaj folioj, al korpo sen animo. Li diris en si: "Se pro miaj pekoj, aŭ pro bona sorto, mi renkontos ie giganton, kio ordinare okazas al la vagantaj kavaliroj, kaj mi lin faligos en duelo, aŭ trahakos lin ĉe la mezo de la korpo, aŭ fine venkos kaj submetos lin... ĉu ne estus bele sendi lin, ke li eniru kaj falu sur la genuoj antaŭ mia dolĉa damo kaj diru per voĉo humila kaj servuta: 'Sinjorino, mi estas la giganto Caraculiambro, mastro de la insulo Malindrania, kaj venkis min en duelo persona la neniam sufiĉe laŭdata kavaliro Don Quijote de la Mancha. Li ordonis, ke mi prezentu min ĉe via moŝto, por ke via ekscelenco disponu je mi laŭ via volo'"? Ho, kiel feliĉis nia bona kavaliro, kiam li faris tiun paroladon, kaj eĉ pli, kiam li trovis iun, kiun li povis nomi sia damo! Okazis, laŭ la famo, ke en vilaĝo proksima al la lia vivis juna kampulino de tre plaĉa aspekto, al kiu li foje enamiĝis, kvankam ŝajne ŝi neniam tiom sciis kaj eĉ ne suspektis. Ŝi nomiĝis Aldonza Lorenzo, kaj li opiniis ŝin taŭga ricevi la titolon "sinjorino de liaj pensoj". Serĉante al ŝi nomon, kiu iel konvenus al la lia kaj elvokus princinecon kaj grandsinjorinecon, li fine decidis alnomi ŝin Dulcinea del Toboso -ĉar El Toboso estis ŝia naskloko- kaj la nomo ŝajnis al li tiel harmonia, rara kaj signifoplena, kiel la ceteraj, kiujn li elpensis por si mem kaj por ĉio sia.

significativo de lo que había sido cuando fue rocín, antes de lo que ahora era, que era antes y primero de todos los rocines del mundo.

Puesto nombre, y tan a su gusto, a su caballo, quiso ponérsele a sí mismo, y en este pensamiento duró otros ocho días, y al cabo se vino a llamar Don Quijote, de donde, como queda dicho, tomaron ocasión los autores de esta tan verdadera historia que, sin duda, se debía de llamar Quijada, y no Quesada, como otros quisieron decir. Pero acordándose que el valeroso Amadís, no sólo se había contentado con llamarse Amadís a secas, sino que añadió el nombre de su reino y patria por hacerla famosa, y se llamó Amadís de Gaula, así quiso, como buen caballero, añadir al suyo el nombre de la suya y llamarse Don Quijote de la Mancha, con que, a su parecer, declaraba muy al vivo su linaje y patria, y la honraba con tomar el sobrenombre de ella.

Limpias, pues, sus armas, hecho del morrión celada, puesto nombre a su rocín y confirmándose a sí mismo, se dio a entender que no le faltaba otra cosa sino buscar una dama de quien enamorarse; porque el caballero andante sin amores era árbol sin hojas y sin fruto, y cuerpo sin alma. Decíase él a sí: "Si yo por malos de mis pecados, o por mi buena suerte, me encuentro por ahí con algún gigante, como de ordinario les acontece a los caballeros andantes, y le derribo de un encuentro, o le parto por la mitad del cuerpo, o, finalmente, le venzó y le rindo, ¿no será bien tener a quien enviarle presentado, y que entre y se hinque de rodillas ante mi dulce señora, y diga con voz humilde, y rendido: 'Yo, señora, soy el gigante Caraculiambro, señor de la insula Malindrania, a quien venció en singular batalla el jamás como se debe alabado caballero Don Quijote de la Mancha, el cual me mandó que me presentase ante vuestra merced para que la vuestra grandeza disponga de mí a su talante?'"

¡Oh, como se holgó nuestro buen caballero cuando hubo hecho este discurso, y más cuando halló a quien dar nombre de su dama! Y fue, a lo que se cree, que en un lugar cerca del suyo había una moza labradora de muy buen parecer, de quien él un tiempo anduvo enamorado, aunque, según se entiende, ella jamás lo supo ni se dio cata de ello. Llamábase Aldonza Lorenzo, y a ésta le pareció ser bien darle título de señora de sus pensamientos, y, buscándole nombre que no desdijese mucho del suyo, y que tirase y se encaminase al de princesa y gran señora, vino a llamarla Dulcinea del Toboso, porque era natural del Toboso; nombre, a su parecer, músico y peregrino, y significativo, como todos los demás que a él y a sus cosas había puesto.

# Hispana Esperanto-Kongreso 2005

# Congreso Español de Esperanto

IV CENTENARIO Don Quijote de la Mancha

La 64a Hispana Kongreso de Esperanto okazis en Alcala de Henares de la 7a ĝis la 10a de julio de la nuna jaro. Tial ke ĉi-jare oni festas la 4an Centjaron de la unua eldono de la Kiĥoto, krom la kutimaj kongresaj ĉiujaraj programeroj, estis speciala dediĉiĝo al la ĉefa verko de Cervantes kaj ĝia rilato kun Esperanto. **Hispana Esperanto-Federacio** programis serion da aktoj dediĉe al tiu verko. Fakte, la titolo de la kongresa temo estis: **DonKiĥoto parolas Esperanton**. Kompreneble, temas pri la traduko de tiu verko farita de Fernando de Diego kaj eldonita en la jaro 1977.

Inter la programitaj aktoj estis la transdono de ekzempleroj de la Esperanto-tradukaĵo de la Inĝenia Hidalgo al famkonataj personoj kaj institucioj, inter ili la **Muzeo Naskiĝdomo de Cervantes**.

Estis planite ankaŭ, fari kadre de la Kongreso, omaĝon al la menciita Fernando de Diego, tradukinto de la Kiĥoto al Esperanto. Malfeliĉe tiu ĉi profesoro forpasis malmultajn tagojn antaŭ la Kongreso, konkrete la 30a de junio. La omaĝo efektiviĝis sed ĝi havis alian karakteron: estis post-morta omaĝo, kiun ĉeestis kelkaj gesamfamilianoj de De Diego.

Inter aliaj kongresaj programeroj menciindaj estis la jara asembleo de **Hispana Esperanto Federacio**, en kiu estis elektita -ne senprobleme, prola manko de volontaj kandidatoj- novan estraron, prezidita de Aŭgusto Casquero de la Cruz.




El 64 Congreso Español de esperanto tuvo lugar en Alcalá de Henares del 7 al 10 de Julio del presente año. Dado que este año se celebra el IV Centenario de la primera edición del Quijote, además de los acostumbrados actos congresuales de cada año, hubo una dedicación especial a la obra cumbre de Cervantes y su relación con el Esperanto. La **Federación Española de Esperanto** programó una serie de actos dedicados a esa obra. De hecho, el título del tema congresual fue: **Don Quijote habla Esperanto.** Por supuesto, se refiere a la traducción de esa obra realizada por Fernando de Diego y editada en 1977.

Entre los actos programados figuraba la donación de ejemplares de la versión en Esperanto del Ingenioso Hidalgo a personalidades e instituciones, entre ellas el **Museo de la Casa Natal de Cervantes**.

Se había previsto también, realizar en el marco del Congreso, un homenaje al mencionado Fernando de Diego, traductor del Quijote al Esperanto. Desgraciadamente este profesor falleció pocos días antes de la celebración del Congreso, concretamente el 30 de Junio. El homenaje tuvo lugar, pero con otro carácter: fue un homenaje póstumo, al que asistieron varios familiares de De Diego.

Entre otros actos congresuales a destacar estuvo la asamblea anual de la **Federación Española de Esperanto**, en la cual se eligió -no sin cierta dificultad, por la falta de candidatos voluntarios- una nueva directiva, presidida por Augusto Casquero de la Cruz.

José Antonio del Barrio trasdonas ekzempleron de El Quijote en Esperanto al la Generala Direktoro pri Arhivoj kaj Bibliotekoj de la Madrida Autonoma Komunumo (foto el Lupe Sanz)



José Antonio del Barrio entrega un ejemplar de El Quijote en esperanto al Director General de Archivos y Bibliotecas de la Comunidad Autónoma de Madrid (foto de Lupe Sanz)

**ELEKTITA NOVA ESTRARO DE HEF EN LA PASINTA KONGRESO EN ACALÁ DE HENARES**
**ELEGIDA NUEVA DIRECTIVA EN EL PASADO CONGRESO DE ACALÁ DE HENARES:**

Prezidanto / Presidente:
**Augusto Casquero de la Cruz**
Vicprezidanto / Vicepresidente:
**Lupe Sanz Bueno**
Sekretario / Secretario:
**Carmen Suárez Fernández-Cid**
Kasisto / Cajero:
**Pedro Garrote**
Redaktoro / redactor de Boletín:
**Manuel Pancorbo Castro**
Vocdonantoj / Vocales:
**José María Galofré**
**Luis Hernández**

## 64a Hispana Esperanto-Kongreso: Galerio de fotoj
## 64º Congreso Español de Esperanto: Galeria de fotos



**Ĉe Muzeo Naskiĝdomo de Cervantes**
**En el Museo Casa natal de Cervantes**



**Kolektiva foto de gekongresistoj**
**Foto colectiva de congresistas**



**Aktoroj voĉrolas en filmo**
**Artistas actuando en una película**



**Kongresa laborado**
**Trabajo congresual**



**Omaĝo al Fernando de Diego**
**Homenaje a Fernando de Diego**

# Omaĝo al Fernando de Diego dum la hispana kongreso



# Homenaje a Fernando de Diego durante el congreso español

La 10an de julio, kadre de la Hispana Kongreso de Esperanto, en Alcalá de Henares, okazis omaĝo al Fernando de Diego, unu el la plej gravaj tradukistoj de nacilingvaj verkoj al Esperanto. Li mortis la 30an de junio, do, unu semajnon antaŭ la komenciĝo de la Kongreso, en kiu estis planite omaĝi al li okaze de la kvara centjaro de la Kiĥoto, kiun li tradukis al la Internacia Lingvo. Pro lia forpaso, la planita omaĝo havis alian karakteron, funebran...

Estis ekspozicio montrante ekzemplerojn el la multaj verkoj de Fernando: originalaj verkoj kaj ĉefe tradukaĵoj al Esperanto. En la kongresa ĉefsalono okazis la omaĝo mem. Ĉeestis la akton kelkaj gesamfamilianoj de De Diego: lia frato Óscar kun sia edzino, filo kaj genepoj. Antonio Valén prezentis la verkojn tradukitajn de De Diego, ĉefe la Inĝenia Hidalgo Don Quijote de la Mancha, kaj dediĉis specialan atenton ankaŭ al la Granda Vortaro Hispana Esperanto, eldonita antaŭ du jaroj.

Poste, Miguel Gutiérrez Adúriz, Salvador Aragay, kaj Jorge Camacho rakontis rememoraĵojn kaj anekdotojn de la vivo de Fernando de Diego kaj ilia por-Esperanta laboro kun li. Lorenzo Noguero laŭtlegis kondolencan mesaĝon de Renato Corsetti, Prezidanto de Universala Esperanto Asocio al la familio de De Diego kaj al la hispanaj geesperantistoj. Miguel Ángel Sancho instigis la publikon daŭre legi la verkojn de Fernando.

Fine, intervenis Óscar por esprimi la dankemon de la familio de De Diego enfazante la gravecon kiun Esperanto rolis en la vivo de lia frato.

El 10 de julio, en el marco del Congreso Español de Esperanto, en Alcalá de Henares, tuvo lugar un homenaje a Fernando de Diego, uno de los más importantes traductores de obras en lengua nacional al Esperanto. Falleció el 30 de junio, o sea, una semana antes del comienzo del Congreso, en el cual se había programado homenajearle con ocasión del cuarto centenario del Quijote, que él tradujo a la Lengua Internacional. Por su fallecimiento, el homenaje previsto tuvo un carácter distinto, fúnebre...

Hubo una exposición de ejemplares de las muchas obras de Fernando: obras originales y especialmente traducciones al Esperanto. En el salón del Congreso tuvo lugar el propio homenaje. Asistieron al acto algunos familiares de De Diego: su hermano Óscar con su esposa, hijo y nietos. Antonio Valén presentó las traducciones de De Diego, en especial el Ingenioso Hidalgo Don Quijote de la Mancha, y una atención especial también al Gran Diccionario Español-Esperanto, editado hace dos años.

Después, Miguel Gutiérrez Adúriz, Salvador Aragay, y Jorge Camacho narraron recuerdos y anécdotas de la vida de Fernando de Diego y el trabajo esperantista de ellos con él. Lorenzo Noguero leyó un mensaje de condolencia de Renato Corsetti, Presidente de la Asociación Universal de Esperanto a la familia de De Diego y a los esperantistas españoles. Miguel Ángel Sancho instigó al público seguir leyendo las obras de Fernando.

Finalmente, intervino Óscar para expresar el agradecimiento de la familia de De Diego enfatizando la importancia que el Esperanto tuvo en la vivo de su hermano.










# Fernando de Diego

## Konciza biografio de tradukisto



Por la esperantista mondo Fernando de Diego estas, sendube, unu el la plej gravaj tradukistoj de hispanlingvaj verkoj al Esperanto. Ja, estas famkonataj liaj tradukaĵoj de la Kiĥoto de Miguel de Cervantes kaj de la poemaro *Cigana Romancaro* de Federico García Lorca, inter alie. Sed, mencindas tion ke lia tradukista laboro realiĝis ankaŭ de la angla lingvo al la hispana. Krom tio, li ankaŭ estis aktiva recenzisto kaj verkisto de eseoj.

Lia konatiĝo kun Esperanto okazis en la hispana urbo Zaragozo en la jaro 1935. Tiam li estis dekkvarjara knabo ĵus resaniĝinta, kaj ankoraŭ iom lama, post poliomjelita atako. Li entuziasme lernis Esperanton en la *Kultura Klubo* de Zaragozo, kaj je la fino de tiu jaro, laŭ lia aserto, li jam kapablis legi, de komenco ĝis fino, ĉiun numeron eldonitan de la revuo *Literatura Mondo*. De tiam li restis por ĉiam influita de la famaj esperantistaj verkistoj Kalocsay kaj Waringhien.

Meze de la sekvinta jaro, 1936, komenciĝis en Hispanio la civilmilito kiu estos daŭrinta ĝis la jaro 1939. Tiu evento influis sur la familio de Fernando same ol okazis al multaj familioj en la lando. Du fratoj liaj estis alvokitaj al la milita servo; tria frato, inklina al komunismo, estis arestita kaj torturata de frankisma bando; poste oni ŝanĝis al li mortpunon al enprizonigo. En la jaro 1938 Fernando mem estis vokita por milita servo kaj sendita al la kataluna fronto. Li partoprenis ankaŭ en la Ebro-batalo, eble la plej sanga de la tuta milito. En septembro de la jaro 1939, kvin monatoj post la finiĝo de la hispana milito, komenciĝis la Dua MondMilito. Tiam De Diego ankoraŭ estis soldato sed post unu jaro li malsaniĝis je tuberkulozo. Kvankam tiam ankoraŭ ne ekzistis antibiotikoj, li iompostiom resaniĝis, dum restado en vilaĝo Cortes de Tajuña (Guadalajara), pere de pura aero kaj freŝaj abundaj nutraĵoj. Rememorante tiun periodon, Fernando de Diego diris: En tiu tempo de kalmo kaj silento mi disponis longajn horojn por meditado kaj venis al la konkludo, ke mi klopodus vivi kiel eble plej sendepende kaj aktivi profesie en la diversaj branĉoj de la beletra kampo.

# Fernando de Diego

## Breve biografía de un traductor

Para el mundo esperantista Fernando de Diego es, sin duda, uno de los principales traductores de obras en español al Esperanto. Ciertamente, son muy famosas sus traducciones del *Quijote* de Miguel de Cervantes y de los poemas *Romancero Gitano* de Federico García Lorca, entre otras. Pero, debe añadirse que su labor de traducción se realizó también del inglés al español. Además, también fue un activo reseñador y ensayista.

Su relación con el Esperanto comenzó en Zaragoza en 1935. Por entonces él era un muchacho de 14 años que se estaba curando de un ataque de poliomelitis por lo que aún cojeaba algo. Con entusiasmo estudió Esperanto en el *Club Cultural* de Zaragoza, y al final de ese año, según su declaración, ya era capaz de leer, de principio a fin, cada número editado de la revista *Mundo Literario*. Desde entonces quedó para siempre influído por los famosos autores esperantistas Kalocsay y Waringhien.

A mediados del año siguiente, 1936, comenzó en España la guerra civil que habría de durar hasta 1939. Ello influyó sobre la familia de Fernando igual que ocurrió a muchas familias en el país. Dos hermanos suyos fueron llamados al servicio militar; un tercer hermano, inclinado al comunismo, fue arrestado y torturado por el bando franquista; después se le conmutó la pena de muerte por la de prisión. En 1938 Fernando mismo fue llamado al servicio militar y enviado al frente catalán. Participó también en la batalla del Ebro, quizá la más sangrienta de toda la guerra. En Septiembre de 1939, cinco meses después del final de la guerra española, comenzó la Segunda Guerra Mundial. Por entonces De Diego aún era soldado pero un año después enfermó de tuberculosis. Aŭnque no existían aún los antibióticos, él fue sanando poco a poco, durante su estancia en la villa Cortes de Tajuña (Guadalajara), a base de aire puro y abundantes alimentos frescos. Recordando aquel período, Fernando de Diego decía: En ese tiempo de calma y silencio dispuse de largas horas para meditar y llegué a la conclusión de que procuraría vivir lo más independientemente posible y actuar profesionalmente en las diversas ramas de las bellas letras.

Li daŭre rezidis en Zaragozo, kaj tie li edziĝis en la jaro 1946. Tiam li laboradis kiel tradukisto el la angla kaj franca lingvoj por kelkaj eldonejoj. En la jaro 1949, kune kun sia edzino, li elmigris al Venezuelo. Antaŭe estis elmigrintaj tien du fratoj liaj kaj poste sekvis lin tri fratoj liaj. En Caracas Fernando laboris kiel tradukisto ĉe usona informagentejo United Press kaj poste kiel redaktisto de alia informagentejo. Ekde la jaro 1952 al 1962 li oficis kiel ĉefo de la informaj servoj de la kompanio Shell kaj ĉefredaktoro de la revuo Tópicos Shell. En 1962 li liberiĝis el siaj prilaboraj devoj kaj povis plene dediĉiĝi al Esperanto. Li translokiĝis al Kanariaj Insuloj kaj tie renkontiĝis kun Juan Régulo Pérez, elstara esperantisto, profesoro ĉe la Universitato de La Laguna. Subgvide de J.Régulo, Fernando pretigis sian Esperantan tradukaĵon de la verko *La arbo de la sciado*, de Pío Baroja, kiu estis publikigita en la jaro 1973.

En 1965 li definitive translokiĝis al Zaragozo kaj plene dediĉiĝis al la verkado kaj tradukado al Esperanto, kaj kunlaboris en kelkaj esperantistaj revuoj. Liaj tradukaĵoj al Esperanto estis ne nur el la hispana lingvo sed ankaŭ el la franca kaj la angla. De 1986 al 1996 estis publikigitaj liaj tradukaĵoj: *Tirano Banderas, Astura Bukedo Sentempa Sinfonio, Cent jaroj da soleco...*

Dum kvar jaroj li dediĉigis al la kompilado de la Granda Vortaro Hispana-Esperanta kun speciala prilaboro de la frazeologio.

Lia tradukaĵo de la Kiĥoto estis publikita en la jaro 1977. Krom la jam menciitaj, aliaj tradukaĵoj liaj estis:

*Doña Bárbara* de Rómulo Gallegos, *La familio de Pascual Duarte* de Camilo José Cela, *Kun sopira koro* de Gustavo Adolfo Bécquer... kaj eseoj kiaj: *Pri esperanta traduk-arto, Pri literatura kritiko...*

Alia menciinda verko lia estas la libro *Klaro kaj elasto*, en kiu disvolvigas siajn ideojn pri la arto de tradukado. Tiu verko iom vekis polemikon, siatempe, en la esperantistaj medioj.

Li mortis la 30an de junio ĉi-jare en Zaragozo post pluraj semajnoj en malsanulejo. Malfeliĉe, li ne povis ĉeesti la specialan ceremonion kiun, omaĝe al li, estis planita de la hispanaj geesperantistoj, okaze de la kvara centjaro de la Kiĥoto, por la landa kongreso de Esperanto kiu komenciĝis, en Alcalá de Henares, unu semajnon post lia forpaso.



Siguió residiendo en Zaragoza, y allí se casó en 1946. Por entonces trabajaba como traductor de inglés y francés para varial editoriales. En 1949, junto con su esposa, emigró a Venezuela. Con anterioridad habían emigrado allí dos hermanos suyos y después le siguieron otros tres. En Caracas Fernando trabajó como traductor en una agencia de información norteamericana *United Press* y después como redactor de otra oficina de información. De 1952 a 1962 li ejerció como jefe de los servicios informativos de la compañía Shell y jefe de redacción de la revista *Tópicos Shell*. En 1962 se liberó de sus obligaciones laborales y pudo dedicarse plenamente al Esperanto. Se trasladó a las Islas Canarias y se reunió con Juan Régulo Pérez, un destacado esperantista, profesor en la Universidad de La Laguna. Asesorado por J.Régulo, Fernando preparó su traducción al Esperanto de la obra *El árbol de la ciencia*, de Pío Baroja, que fue publicada en 1973.

En 1965 se trasladó definitivamente a Zaragoza y se dedicó plenamente a escribir y traducir al Esperanto, y colaboró en varias revistas esperantistas. Sus traducciones al Esperanto eran no sólo de la lengua española sino también del francés y el inglés. Desde 1986 a 1996 se publicaron sus traducciones: *Tirano Banderas, Ramillete Asturiano, Sinfonía Intemporal, Cien años de soledad...* Se dedicó durante cuatro años a la compilación del Gran Diccionario Español-Esperanto con una especial elaboración de la fraseología.

Su traducción del Quijote fue publicada en 1977. Además de las ya mencionadas, otras traducciones suyas fueron: *Doña Bárbara* de Rómulo Gallegos, *La familia de Pascual Duarte* de Camilo José Cela, *Rimas* de Gustavo Adolfo Bécquer... y ensayos como: *Sobre el arte de la traducción al Esperanto, Sobre la crítica literaria...*

Otra obra suya digna de mención es el libro *Claro y elástico*, en el que desarrolla sus ideas sobre el arte de la traducción. Esa obra despertó algo de polémica, en su momento, en los medios esperantistas.

Murió el 30 de junio de este año en Zaragoza tras varias semanas de hospitalización. Desafortunadamente, no pudo asistir a la ceremonia especial que, en su homenaje, hay sido preparado por los esperantistas españoles, con ocasión del cuarto centenario del Quijote, para el congreso nacional de Esperanto que comenzó, en Alcalá de Henares, una después de su fallecimiento.

KONGRESO 90a UNIVERSALA de ESPERANTO VILNIUS 2005

# 90a Universala Kongreso de Esperanto

## Vilno, Litovio, 23-30 Julio 2005




En Vilno, ĉefurbo de Litovio kunestadis, de la 23ª al la 30ª de julio de la nuna jaro 2344 personoj el 62 landoj; ili havis malsaman gepatran lingvojn kaj apartenis al diversaj kulturoj... Sed la komunikado eblis inter ili ĉar ĉiuj ili komprenas komunan lingvon: **Esperanto**. La evento, ja, estis la 90ª Universala Kongreso de tiu Internacia Lingvo.
Dank' al **Interreto**, la disvolviĝo de la Kongreso povis esti sekvata de la interesitaj personoj en la tuta mondo. La monda reto rezultis tre efika helpilo por la diskonigo de la propono de la Esperantista Movado pri komuna internacia ligvo. Tiu Movado multe progresis lasttempe dank' al Interreto. La rapideco de la informado tra la reto igas Esperanton esti la plej taŭga ilo por la egaleca komunikado sen politikaj interesoj.
En la kongresaj dokumentoj Esperanto estas prezentata kiel la sola lingvo alternativa, neŭtrala kaj facila por esti la komuna lingvo por la internacia komunikado. La Kongreso prezentas denove tiun proponon al Eŭropa Unio kaj petas al UNESKO novan rezolucion apogante la mendon de komuna lingvo, tute necesa por Eŭropa Unio kaj por la tuta mondo.

En Vilna, capital de Lituania se juntaron, del 23 al 30 de Julio de este año 2344 personas de 62 países; tenían distinta lengua materna y pertenecían a diversas culturas... Pero la comunicación era posible entre ellas ya que todos conocían un idioma común: El **Esperanto**. El evento, por cierto, era el 90º Congreso Universal de esa Lengua Internacional.
Gracias a **Internet**, el desarrollo del Congreso pudo ser seguido por las personas interesadas en todo el mundo. La red mundial resultó ser una muy eficaz herramienta auxiliar para la difusión de la propuesta del Movimiento Esperantista sobre una lengua común internacional. Ese Movimiento progresó mucho últimamente gracias a Internet. La rapidez de la información a través de la red hace que el Esperanto sea el instrumento más apropiado para la comunicación igualitaria sin intereses políticos.
En los documentos congresuales el Esperanto es presentado como el único idioma alternativo, neutral y fácil para ser la lengua común para la comunicación internacional. El Congreso presenta de nuevo esa propuesta a la Unión Europea y pide a la UNESCO una nueva resolución apoyando la demanda de una lengua común, totalmente necesaria para la Unión Europea y para todo el mundo.





**Kongresejo** **Sede congresual**



# Salutoj al la Kongreso

**de la Prezidento de Litova Respubliko**

Estimataj gekongresanoj kaj gastoj,
Mi sincere salutas Vin kaj esperantistojn de la tuta mondo. Estas granda honoro por ni, ke tiu ĉi la 90-a Via kongreso okazas en Litovio. Des pli agrable, ke ĉi estas jubilea, organizata por celebri la centjariĝon de la unua Universala Kongreso de Esperanto.
Litovio estas tre konvena loko por festi tiun ĉi jubileon. Ĉi tie Ludoviko Zamenhof, fiero de nia lando, verkis la Unuan Libron de Esperanto, Ĉi tie li flegis la revon unuigi homojn de la tuta mondo.
Viaj ideoj, karaj esperantistoj, estas tre bezonataj en la nuntempa mondo, ŝirata de tutmondiĝaj kontraŭstaroj. Vi proponas egalrajtan kaj demokratian internacian komunikadon. Plifortigante solidarecon de esperantistoj de la tuta mondo, Vi instigas internacian komunikadon, alproksimigas popolojn kaj helpas pli bone koni diversajn kulturojn.
Dum tiuj ĉi tagoj Vi havas okazon pli bone konatiĝi kun la historio, kulturo kaj moroj de Litovio. Ni ĝojas gastigi Vin, malkaŝi al Vi unikecon de nia lando kaj dividi kun Vi trezorojn de nia kulturo.
Mi esperas, ke gastante en nia lando, Vi travivos multajn agrablajn momentojn.
Mi bondeziras kreivajn diskutojn al Via kongreso.
Ĉion plej bonan al Vi!
Valdas Adamkus
Prezidento de Litova Respubliko



# Saludos al Congreso

**del Presidente de la República Lituana**

Estimados congresistas y huéspedes,
Les saludo sinceramente a Vds. y a los esperantistas de todo el mundo. Es un gran honor para nosotros, que este 90 kongreso suyo tenga lugar en Lituania. Tanto más agradable, porque éste se organizó para celebrar el Centenario del primer Congreso Universal de Esperanto.
Lituania es un lugar muy apropiado para festejar este Centenario. Aquí Luis Zamenhof, orgullo de nuestro país, escribió el Primer Libro de Esperanto, Aquí acarició él la ilusión de unificar a los hombres de todo el mundo.
Las ideas de Vds., queridos esperantistas, son muy necesarias en el mundo actual, desgarrado por contradicciones mundiales. Vds. proponen una comunicación internacional equitativa y democrática. Fortaleciendo la solidaridad de los esperantistas de todo el mundo, Vds. preconizan una comunicación internacional, aproximan a los pueblos y ayudan a conocer mejor las diversas culturas.
Durante estos días Vds tendrán ocasión de conocer mejor la historia, la cultura y las costumbres de Lituania. Nos alegramos de acogerles, descubrirles la unicidad de nuestro país y compartir con Vds los tesoros de nuestra cultura.
Espero, que visitando nuestro país, Vds. vivirán muchos momentos agradables.
Deseo un debate provechoso al Congreso de Vds.
¡Mis mejores deseos a Vds.!
Valdas Adamkus
Presidente de la República Lituana.

## de la Prezidanto de la Parlamento

Estimataj organizantoj, partoprenantoj kaj gastoj de la Universala Kongreso de Esperanto,
Por nia lando kaj ĝia ĉefurbo Vilnius estas granda honoro okazigi Vian jubilean la 90-an kongreson cent jarojn post la unua kongreso.
Vi, esperantistoj, estas eksterordinaraj. Vi — simbolo de homa interkompreniĝo. Asertante tion, mi pensas pri INTERKOMPRENIĜO per majusklaj literoj: kapablon senti, aŭdi, kompreni unu la alian, kreskigi en homoj toleremon unu por la alia.
Scipovo de la lingvoj aŭ de unu komuna lingvo estas nur unu, kvankam tre grava, rimedo de la Granda Interkompreniĝo.
Miskomprenoj verŝas sangon, detruas hejmojn, urbojn, tutajn kontinentojn.
Interkompreniĝo proksimigas homon al homo, varmigas la mondon, gardas pacon.
Dankon al Vi pro Interkompreniĝoj.
Grandan sukceson al Via kaj nia kongreso.
Sincere
Artūras Paulauskas
Prezidanto de la Parlamento de Litova Respubliko



## del Presidante del Parlamento

Estimados organizandores, participantes y huéspedes del Congreso Universal de Esperanto.
Para nuestro país y su capital Vilna es un gran honor ser sede de vuestra celebración del 90° Congreso cien años después del primer congreso.
Vds., esperantistas, son extraordinarios. Vds. - símbolo de comprensión humana. Diciendo eso, pienso en COMPRENSIÓN con mayúsculas: capacidad de sentir, oir, comprender unos a otros, hacer crecer en los hombres la tolerancia de unos a otros.
Saber idiomas o un idioma común es sólo uno, aunque muy importante, recurso de la Gran Comprensión.
La incomprensión derrama sangre, destruye hogares, ciudades, continentes enteros.
La comprensión aproxima los hombres unos a otros, hace un mundo más cálido, conserva la paz.
Gracias a Vds. por la comprensión.
Éxito a su congreso y al nuestro.
Sinceramente
Artūras Paulauskas
Presidente del Parlamento de la República Lituana

## de la Urbestro de Vilnius

Ni vivas en la mondo preskaŭ sen landlimoj, kaj ofte la ununura barilo inter homoj de diversaj ŝtatoj estas lingvo. Ekzistis homo, kiu vidis mondon sen landlimoj kaj sen obstakloj interkompreniĝantan per unu lingvo. Esperanto devis unuigi homojn. En nia urbo mi salutas tiujn, kiuj flegas revon de la mondo, povanta interkompreniĝi per tiu ĉi unu lingvo. Mi esperas, ke Vilnius iĝos urbo, al kiu vi deziros ree veni ankoraŭ multe da fojoj.
Artūras Zuokas
Urbestro de Vilnius



## del Alcalde de Vilna

Vivimos en un mundo que casi no tiene fronteras, y a menudo la única barrera entre las personas de los diversos Estados es el idioma. Hubo un hombre que vio un mundo sin fronteras y sin barreras en el que se comprendían por medio de un idioma. El Esperanto debía unir a los hombres. En nuestra ciudad saludo a los que cuidan de la ilusión del mundo de poder comprenderse por medio de esta lengua. Espero que Vilna sea una ciudad a la que deseen volver muchas veces.
Artūras Zuokas
Alcalde de Vilna

# La traduka servo de Eŭropa Unio ne funkcias



La esperantista ano de la Eŭropa parlamento, Małgorzata Handzlik, ne povis partopreni la Vilnan kongreson. Anstataŭe ŝi preparas elekto-kampanjon en Pollando. Ŝin reprezentis ŝia edzo Jerzy Handzlik, kiu en kunsido de Eŭropa Esperanto-Unio rakontis pri ŝia laboro en la parlamento. Laŭ li, la aliaj parlamentanoj nenion scias pri Esperanto. "Ili tute miras ke ŝi konas la lingvon, ke la lingvo ne mortis. Ili ne volas kredi ke ekzistas gazetoj en Esperanto, kantoj, retpaĝoj." Aŭdu la tutan paroladon!

La unua esperantisto en la Eŭropa parlamentano, Małgorzata (Margareta) Handzlik, devis lastmomente ŝanĝi siajn planojn kaj rezigni pri partopreno en la Universala Kongreso de Esperanto en Vilno. Anstataŭ partopreni la kongreson ŝi devis veturi al Pollando por partopreni en diskutoj rilate la aŭtunan elekto-kampanjon en Pollando.

En la marda kunsido de Eŭropa Esperanto-Unio (EEU) Malgorzata Handzlik estis reprezentita de sia edzo Jerzy (Georgo) Handzlik. Li estis poste elektita estrarano de la asocio. Komence de la kunsido de EEU Jerzy Handzlik rakontis pri la lingva situacio en la Eŭropa parlamento.

Laŭ li, 30 procentoj el la eŭropa buĝeto estas uzata por tradukaj servoj. Tamen laŭ oficialaj kalkuloj la kosto de tradukado ĉe ĉiuj EU-institucioj kune estas taksata je 0,8 procentoj el la tuta EU-buĝeto aŭ sume 13 procentoj el la administraj kostoj. Eĉ tiuj 13 procentoj tamen ja egalas al 807 milionoj da eŭroj jare, neneglektinda sumo.

Eĉ pli rimarkinde laŭ Jerzy Handzlik tamen estas, ke spite la elspezatan monon la traduka servo ne sukcesas kontentige kaj ĝustatempe prizorgi siajn taskojn.

- La dokumentoj venas al la oficejo de Margareta ĉefe en la angla. La pola versio venas aŭ malfrue, kiam ĝi jam ne validas por diskuti, aŭ ne venas entute, li diris.

Kiam Małgorzata Handzlik pasintsomere estis elektita ano de la eŭropa parlamento, ŝi ricevis centojn da gratulmesaĝoj en Esperanto, kaj ŝi daŭre ricevadas mesaĝojn de esperantistoj.

# El servicio de traducción de la Unión Europea no funciona

El miembro esperantista del Parlamento Europeo, Małgorzata Handzlik, ne pudo participar en el congreso de Vilna. Ella está de campaña electoral en Polonia. La representó su esposo Jerzy Handzlik, que en una reunión de la Unión Esperantista Europea disertó acerca del trabajo de ella en el parlamento. Según él, los otros parlamentarios no saben nada sobre el Esperanto. "Están sorprendidos de que ella conozca la lengua, que la lengua no murió. No quieren creer que existen revistas en Esperanto, cantos, páginas en la red." ¡Escuchen toda la narración.!

La primera esperantista en el Parlamento Europeo, Małgorzata (Margarita) Handzlik, tuvo que cambiar en el último momento sus planes y renunciar a participar en el Congreso Universal de Esperanto en Vilna. En vez de ir al congreso, ella tuvo que viajar a Polonia para tomar parte en discusiones con relación a la campaña electoral polaca del otoño.

En la reunión del martes de Unión Esperantista Europea (EEU) Małgorzata Handzlik estuvo representada por su marido Jerzy (Jorge) Handzlik. Después él fue elegido directivo de la asociación. Al comienzo de la reunión de EEU Jerzy Handzlik narró sobre la situación lingüística en el Parlamento Europeo.

Según él, el 30% del presupuesto europeo se usa para servicios de traducción. Pero según cálculos oficiales el coste de traducción de todas las instituciones de la Unión Europea está tasada en un 0,8 % de todo el presupuesto de la U.E. o el 13% de los costos de administración. Incluso ese 13% sin embargo suponen unos 807 millones de euros al año, una suma considerable.

Pero más destacable que eso, según Jerzy Handzlik es, sin embargo, que a pesar del dinero gastado el servicio de traducción no consigue desempeñar sus tareas de manera satisfactoria y a su debido tiempo.

- Los documentos llegan a la oficina de Margarita principalmente en inglés. La versión polaca llega o bien tarde, cuando ya no sirve para discutir, o bien no llega en absoluto, dijo él.

Cuando Małgorzata Handzlik fue elegida miembro del Parlamento Europeo el pasado verano, recibió cientos de mensajes de felicitación en Esperanto, y sigue recibiendo mensajes de esperantistas.

- Dankon pro ĉiuj senditaj mesaĝoj! Preskaŭ ĉiam la samideanoj petis ke ŝi faru ion en la eŭropa parlamento por Esperanto. La demando estas: kion? Ni trarigardis la du famajn rezoluciojn de Unesko pri Esperanto. Ili ne donas ion ajn konkretan, diris Jerzy Handzlik.
Post longa pripensado kaj diskutado kun aktivuloj, Małgorzata Handzlik konstatis, ke oni devas komenci per malgranda paŝo.
- Eble unu el realismaj celoj kiujn ni povas atingi en eŭroparlamento estas la enkonduko de universitataj kaj lernejaj Esperanto-ekzamenoj kaj regulaj stud-programoj, ne devigaj sed fakultativaj, en ĉiuj landoj same kiel en Hungario. En Hungario ĉiam pli da studentoj elektas Esperanton. Ne temas pri enkonduko de Esperanto kiel dua lingvo por ĉiuj, ĉar tio tute ne eblas - nun, diris Jerzy Handzlik.
Jerzy Handzlik rakontis ankaŭ pri la ĵusa renkontiĝo kun Ján Figeľ , respondeculo de la Eŭropa komisiono pri kulturo kaj multlingveco.
- Li interesiĝis pri la propedeŭtika valoro de Esperanto por plifaciligi la studon de aliaj lingvoj. Nu bone. Sufiĉas. Eble, se ni sukcesos pri tio, eble tio helpos al nia afero pli ol dek rezolucio pri sekvaj jubileoj.
La aliaj anoj de la Eŭropa parlamento laŭ Jerzy Handzlik apenaŭ scias ion pri Esperanto.
- Margareta parolis pri Esperanto kun multaj kolegoj siaj en la parlamento. Ili tute miras ke ŝi konas la lingvon, ke la lingvo ne mortis. Ili ne volas kredi ke ekzistas gazetoj en Espranto, kantoj, retpaĝoj. Ili tre miras, kiam ŝi rakontas pri Universalaj Kongresoj. Iliaj bazaj demandoj estas: ĉu oni povas skribi esperante? ĉu oni presis iun libron en tiu ĉi lingvo? Ni devas ilin informi.
Por informi la anojn de la Eŭropa parlamento UEA tra la oficejo de Malgorzata Handzlik sendis pli ol 700 invitleterojn al ĉiuj anoj de la parlamento, petante ilin ĉeesti la kongreson en Vilno.
- Ĉirkaŭ 20 deputitoj afable respondis: "dankon, mi ne povas veni", kio tamen estas bona rezulto, ni ne esperis ke venos io ajn.
Por memorigi la parlamentanojn pri Esperanto, Jerzy Handzlik petis ke ĉiuj ĉeestintoj en la EEU-kunsido post la reveno hejmen kontaktu ĉiu sian eŭropan parlamentanon.
- Ne konvinkadu, tio neniel efikos, retmesaĝe sendu unu foton de la kongreso, kaj eble tri frazojn, ekzemple: mi partoprenis la kongreson de Esperanto en Vilno. Pli ol 2000 esperantistoj el 60 landoj ĝuis mirindan etoson sen ajna tradukisto. Vi mankis ĉe ni...
Tiun proponon la multnombraj ĉeestintoj en la malvasta salono Skūpas renkontis per rido kaj aplaŭdoj.

- ¡Gracias por todos los mensajes enviados! Casi siempre los esperantistas piden que ella haga algo en el parlamento Europeo por el Esperanto. La pregunta es: ¿qué? Nosotros repasamos las dos famosas resoluciones de la UNESKO sobre el Esperanto. No proporcionan nada concreto, dijo Jerzy Handzlik.
Tras una larga reflexión y discusiones con activistas, Małgorzata Handzlik constató, que se debe comenzar por un pequeño paso.
- Quizá uno de los objetivos realistas que podemos conseguir en el europarlamento es la introducción de exámenes de Esperanto en Universidades y escuelas y programas de estudio regulares, no obligatorios sino optativos, en todos los países al igual que en Hungría. En Hungría cada vez más estudiantes eligen el Esperanto. No se trata de introducir el Esperanto como segunda lengua para todos, ya que eso es totalmente imposible – por ahora, dijo Jerzy Handzlik.
Jerzy Handzlik contó también lo del reciente encuentro con Ján Figeľ , responsable de la Comisión Europea sobre cultura y multilingüismo.
- Él se interesó sobre el valor propedéutico del Esperanto para facilitar el estudio de otros idiomas. Bien, vale. Basta. Quizá, si conseguimos eso, puede servir de ayuda a nuestro asunto más que diez resoluciones hacerca de las siguientes celebraciones.
Los otros miembros del Parlamento Europeo según Jerzy Handzlik apenas saben algo sobre Esperanto.
- Margarita habló acerca del Esperanto con muchos colegas en el parlamento. Ellos se admiran mucho de que ella conoce la lengua, que la lengua no murió. No quieren creer que existen revistas en Esperanto, cantos, páginas en la red. Se admiran cuando ella habla sobre Congresos Universales. Sus preguntas básicas son: ¿se puede escribir en Esperanto? ¿se puede imprimir algún libro en esa lengua? Debemos informarles.
Para informar a los miembros del Parlamento Europeo UEA a través de la oficina de Malgorzata Handzlik envió más de 700 cartas de invitación a todos los miembros del parlamento, pidiéndoles asistir la congreso en Vilna.
- Unos 20 diputados respondieron afablemente: "gracias, no puedo ir", lo cual sin embargo es un buen resultado, no esperábamos nada.
Para recordarles a los parlamentarios sobre el Esperanto, Jerzy Handzlik pidió que todos los asistentes a la reŭnión de la EEU tras su regreso a casa contacten con todos sus europarlamentarios.
- No intentar convencer, eso no sirve de nada, enviar en un mensaje por la red una foto del congreso, y quizá tres frases, por ejemplo: participé en el congreso de Esperanto en Vilna. Más de 2000 esperantistas de 60 países disfrutaron de un ambiente admirable sin ningún tipo de traductor. Se notó tu aŭsencia...
Esa propuesta fue recibida con risas y aplausos por los numerosos asistentes en el salón Skūpas.

KONGRESO de ESPERANTO 90a UNIVERSALA VILNIUS 2005

90° Congreso Universal de Esperanto
Vilna, Lituania, 23-30 Julio 2005



# VILNA DEKLARO




# DECLARACION DE VILNA

De la 23-a ĝis la 30-a de julio 2005 kunvenis la ĝis nun plej granda internacia renkonto okazinta en la litova ĉefurbo Vilno: la 90-a Universala Kongreso de Esperanto (UK) kun pli ol 2300 homoj el 62 landoj. Ĉiuj laborkunsidoj, prelegoj kaj artaj aranĝoj disvolviĝis en la Internacia Lingvo Esperanto.

La Kongreso okazis cent jarojn post la Unua Universala Kongreso de Esperanto en Bulonjo-ĉe-Maro (1905), kiu markis la eniron de Esperanto en la epokon de parola uzo. La Vilna Kongreso donis tial okazon pensi sub la titolo "Universalaj Kongresoj: 100 jaroj de interkultura komunikado" pri la tuta sinsekvo de Universalaj Kongresoj.

Tra jardekoj, kiujn karakterizis sociaj ŝanĝoj, politikaj perturboj kaj du teruraj militoj, la Kongresoj konservis sian plej elstaran trajton tiun de forumo por la renkonto de "homoj kun homoj" (kiel formulis Lazaro Zamenhof, la kreinto de Esperanto, en Bulonjo) kun firma volo superi la barojn de nacieco kaj ideologio. Pluraj sesioj de la Vilna UK estis dediĉitaj al la utilo, kiun la Kongresoj alportas al la partoprenantoj. Multaj emfazis la klerigan valoron de UK ne nur por vastigi sian scion en diversaj fakoj, sed ankaŭ por konscii pri la efikoj de interkultura komunikado je plej persona nivelo.

Zamenhof en sia parolado en 1905 celis krei senton de solidareco kaj la konvinkon, ke helpe de Esperanto eblas plibonigi la kunvivadon de homoj en la mondo. Sur tiu tradicio plue apogas sin la UK-oj, kiuj demonstras la daŭran aktualecon de la klopodo faciligi la homaran kunvivadon per la poioma laboro de individuoj kaj pruvas la gravecon de bona volo en la interproksimiĝo de homoj.

La Vilna UK, kiu okazis en la naskiĝregiono de Esperanto, je vojkruĉiĝo de kulturoj, denove montris, kiom sukcesa estas la unusemajna kunestado de homoj unuigitaj per la lingvo Esperanto kaj komune praktikantaj komunikadon sen antaŭjuĝoj kaj limigoj. La kongresanoj de Vilno firme fidas, ke la centjara historio de Universalaj Kongresoj kiel sukcesa ekzemplo de interkultura komunikado estos daŭrigata, kaj tial alvokas al homoj de simila bona volo lerni Esperanton kaj sperti similan travivaĵon, kiun jus donis la Kongreso de Vilno.

Del 23 al 30 de julio 2005 se reunió el mayor encuentro internacional que hasta ahora tuvo lugar en la capital lituana, Vilna: el 90° Congreso Universal de Esperanto (KU) con más de 2300 personas de 62 países. Todas las reuniones de trabajo, conferencias y actos artísticos se desarrollaron en la Lengua Internacional Esperanto.

El Congreso tuvo lugar cien años después del Primer Congreso Universal de Esperanto en Boulogne-sur-Mer (1905), que señaló la entrada del Esperanto en la era de su uso hablado. Por eso el Congreso de Vilna dio ocasión de pensar bajo el título "Congresos Universales: 100 años de comunicación intercultural" sobre la continuidad total de los Congresos Universales.

A lo largo de los decenios, caracterizados por cambios sociales, perturbaciones políticas y dos terribles guerras, los Congresos conservaron su rasgo más destacado, el de ser un foro para el encuentro de "unas personas con otras" (como formuló Luis Zamenhof, el creador de Esperanto, en Boulogne) con una voluntad firme de superar las barreras de nacionalidad e ideología. Varias sesiones del KU deVilna se dedicaron a la utilidad, que los Congresos aportan a los participantes. Muchos enfatizaron sobre el valor educativo del KU no sólo para ampliar su saber en diversas áreas, sino también para concienciar sobre la influencia de la comunicación intercultural al nivel más personal.

Zamenhof en su alocución en 1905 buscó crear un sentimiento de solidaridad y la convicción de que con ayuda del Esperanto se puede mejorar la convivencia humana en el mundo. En esa tradición se siguen apoyando los KU, que demuestran la perdurable actualidad del intento de facilitar la convivencia humana por el trabajo colectivo de los individuos y prueban la importancia de la buena voluntad en la aproximación de las personas.

El KU de Vilna, en la región natal del Esperanto, en un cruce de culturas, de nuevo mostró, qué provechosa es la convivencia semanal de personas unidas por el idioma Esperanto y practicando en común una comunicación sin prejuicios ni limitaciones. Los congresistas de Vilna creen firmemente que la historio centenaria de los Congresos Universales como ejemplo éxitoso de comunicación intercultural continuará, y por eso apelan a personas similares de buena voluntad que estudien Esperanto y experimenten una vivencia similar a la que acaba de dar el Congreso de Vilna.

# EŬROP-UNIA BABELO



# LA BABEL DE LA UNIÓN EUROPEA

El la pola lingvo al la angla, el la malta idiomo al la latva... la interpretistoj kaj tradukistoj de la ampleksigita Eŭrop-Unio rezultas esencaj en la nuntempa situacio.

Ekde dekunu oficialaj lingvoj la eŭropaj institucioj alvenis al du-deko de la unua de majo de la pasinta jaro. Ĝi esta enorma problemo trudita de la interakordoj: ĉiuj rajtas sekvi la labor-sesiojn en sia gepatra lingvo, kio signifas, proksimume, kvar-cent malsamaj kombinoj.

La budĝeto por alfronti ĉi tiun lingvan defion signifas naŭcent kvardek-ok milionoj da eŭroj ĉiujare. La plen-sesioj de la Eŭroparlamento disponas je sesdek interpretistoj anstataŭ la antaŭaj tridek-tri.

Pro la pliampleksigo plifortiĝis la angla lingvo, ĉar ĝi estas la ponta lingvo plej multe uzata de la diplomataro kaj la politikistaro. Dume, tiuj sinjoroj, kiuj regas nin, ŝajnas nekapablaj kompreni ke la solvo de tiu problemo ekzistas... kaj funkcias: iu komuna lingvo neŭtrala kaj facile lernebla: La Internacia Lingvo ESPERANTO.

Del polaco al inglés, del maltés al letón... los interpretes y traductores de la Unión ampliada son imprescindibles en el actual estado de cosas.

De once lenguas oficiales las instituciones europeas pasaron a la veintena a partir del uno de mayo del año pasado. Un problema enorme impuesto por los tratados: todos deben poder seguir una sesión de trabajo en su lengua materna, lo que supone cerca de cuatrocientas combinaciones diferentes

El presupuesto para afrontar este desafío idiomático representa novecientos cuarenta y ocho millones de euros anuales. Las sesiones plenarias del Europarlamento cuentan con sesenta intérpretes en lugar de treinta y tres como antes.

Con la ampliación el inglés se fortaleció, ya que es la lengua puente más empleada por los diplomáticos y políticos. Mientras, esta gente que nos gobierna parece incapaz de darse cuenta de que la solución a ese problema existe... y funciona: una lengua común neutral y de fácil aprendizaje: La Lengua Internacional ESPERANTO.



De lingva vidpunkto, la nuna situacio en Eŭropa Unio karakteriĝas pro tio ke, kvankam laŭleĝe ĉiuj civitanoj rajtas komuniki kun la organoj de EU en sia gepatra lingvo, du el la lingvoj estas privilegiitaj super la ceteraj, nome la angla kaj la franca. La Bruselaj instancoj favoras la anglajn kaj francajn civitanojn kiel oficistojn.
La solvo, kiun ni proponas, Esperanton, ĝis nun ne estis konsiderata de la Eŭrop-Uniaj aŭtoritatoj. En aprilo de la pasinta jaro, en Strasburgo la radikala parlamentano proponis, ke Esperanto estu almenaŭ studata kiel unu el la eblaj solvoj, sed la voĉdonantoj malakceptis la proponon asertante, ke Esperanto ne havas kulturon.
Sendube estas bedaŭrinda tia teniĝo de la eŭropaj politikistoj, sed ni devas realisme noti ke ankaŭ la ordinaraj civitanoj sentas la samajn antaŭjuĝojn kiel la parlamentanoj. Do oni devas konvinki la publikon ke Esperanto havas propran kulturon kaj ke ĝi estas preta servi kiel internacia komunikilo. La mondo ekster nia movado ne scias ke la esperantista komunumo konsistas el kleraj kaj seriozaj personoj kaj ke Esperanto havas riĉan originalan literaturon. Kresko de ĝenerala respekto al Esperanto estas nepre necesa kondiĉo por multiĝo de ĝiaj studantoj.
La problemo de la sukceso de Esperanto kiel ponta lingvo por la internacia komunikado estas ke ĝi ne fariĝos utila ĝis kiam multaj personoj lernos ĝin, sed dume multaj personoj ne lernos ĝin ĝis kiam ĝi estos utila. Estas respondeco nia multobligi la kampojn de utila aplikado de la Internacia Lingvo. Ne profitas atendi ke la oficialaj instancoj favoros la amasan instruadon de Esperanto. La politikaj, sociaj kaj ekonomiaj interesoj kontraŭ tio estas tre grandaj.
En kio koncernas al Eŭropa Unio, la kialoj por adopti Esperanton ne estas nur la alta kosto de la budĝeto pro tradukado. Estas ankaŭ la fakto ke la privilegiado de iuj lingvoj super la ceteraj konstituas diskriminacion kaj damaĝon por la preterlasitaj lingvoj. Dum jarcentoj tiutipa politiko venenigis la homaj interrilatoj en multaj eŭropaj landoj kaj naskis agresajn naciismojn. La naskiĝanta Eŭropo devas lerni el tiu historia sperto kaj konstrui sian estontecon sur firma bazo de neŭtraleco en prilingvaj kaj kulturaj aferoj. Nia propono, Esperanto, estas garantio de la necesa neŭtraleco kiu nun mankas.

Desde el punto de vista lingüístico, la situación actual en la Unión Europea se caracteriza en que, aunque legalmente todos los ciudadanos tienen derecho a comunicarse con los óganos de la UE en su lengua materna, dos de las lenguas son privilegiadas sobre las demás, a saber, el inglés y el francés. Las instancias de Bruselas favorecen a los ciudadanos ingleses y franceses como oficinistas.
La solución que proponemos, el Esperanto, hasta ahora no fue considerada por las autoridades de la Unión Europea. En abril del año pasado, el parlamentario radical propuso en Estrasburgo que el Esperanto sea almenos estudiado como una de las posibles soluciones, pero los votantes rechazaron la propuesta argumentando que el Esperanto no tiene cultura.
Sin duda es lamentable esa actitud de los políticos europeos, pero debemos constatar con realismo que también los ciudadanos ordinarios sienten los mismos prejuicios que los parlamentarios. Por tanto debemos convencer al público de que el Esperanto tiene una cultura propia y que está presto para servir como instrumento de comunicación internacional. El mundo fuera de nuestros círculos no sabe que la comunidad esperantista consiste en personas cultas y serias y que el Esperanto tiene una rica literatura original. El crecimiento del respeto general al Esperanto es una condición imprescindible para multiplicar sus estudiantes.
El problema del éxito del Esperanto como lengua puente para la comunicación internacional es que no se hará útil hasta que no lo estudien muchas personas, pero a la vez muchas personas no lo estudiarán hasta que sea útil. Es responsabilidad nuestra multiplicar los campos de aplicación útil de la Lengua Internacional. No resulta esperar a que las instancias oficiales favorezcan la enseñanza masiva del Esperanto. Son muy grandes los intereses políticos, sociales y económicos contra eso.
En lo que concierne a la Unión Europea, el motivo para adoptar el Esperanto no es sólo el alto coste del presupuesto por traducción. Está también el hecho de que el privilegiar a unos idiomas sobre los demás constituye una discriminación y un daño para las lenguas relegadas. Durante siglos ese tipo de política envenenó las relaciones humanas en muchos países europeos y generaron nacionalismos agresivos. La naciente Europa debe aprender de esa experiencia histórica y construir su futuro sobre una base firme de neutralidad en los asuntos sobre idiomas y culturas. Nuestra propuesta, el Esperanto, es una garantía de la necesaria neutralidad que ahora falta.

## La Unua Universala Kongreso de Esperanto

# 1905

## El Primer Congreso Universal de Esperanto

La Esperantista Movado festis en la jaro 1987 la Centjaron de la Internacia Lingvo memorante la eldonadon de la unua lernolibro de Esperanto. Ankaŭ ĉi-jare, iamaniere, estas Centjara Jubileo por ni: okazas ke en aŭgusto de 1905, en Bulonjo-ĉe-Maro, nordfranca, marborda urbo, okazis la **unua Universala Kongreso de Esperanto**. Tiam kuniĝis tie 680 personoj el 20 landoj. Malgraŭ la devena mal-sameco, ili renkontis sin en sukcesa, mirinda interkomprenigo kaj en etoso internacie frateca. Ĉiujn ilin ligis freŝnaskita, esperoplena lingvo : la lingvo de la t.n. Doktoro Esperanto, Lazaro Ludoviko Zamenhof, kiu troviĝis inter la ĉeestantoj.

De tiu jaro stariĝis longa kaj daŭra kutimo, laŭ kiu la tutmondaj utiligantoj kaj amantoj de Esperanto regule sin renkontas por interŝanĝoj riĉaj okaze de kongresoj. Nur dum la jaroj de la du mondmilitoj ne povis okazi la Kongresoj de Esperanto.

La esperantistoj memoras tiun jaron 1905 (krom la menciita 1887) kiel unu el la unuaj ĉefaj datoj de la lingvo kaj ties komunumo.

El Movimiento Esperantista Movado festejó en el año 1987 el Centenario de la Lengua Internacional recordando la edición del primer libro de estudio de Esperanto. También este año, de alguna manera, es un Centenario para nosotros: ocurre que en agosto de 1905, en Boulogne-sur-Mer, una ciudad costera en el norte de Francia, tuvo lugar el **primer Congreso Universal de Esperanto**. Se reunieron allí entonces 680 personas de 20 países. A pesar del distinto origen, se encontraron en una admirable y afortunada compenetración, y en un ambiente internacionalmente fraterno. Los ligaba a todos ellos una lengua recién nacida, llena de esperanza: la lengua del así llamado Doctor Esperanto, Lázaro Luis Zamenhof, que se encontraba entre los asistentes.

Desde ese año se estableció un larga y duradera costumbre, según la cual los usuarios y simpatizantes del Esperanto de todo el mundo se reencuentran regularmente para ricos intercambios con ocasión de congresos. Sólo durante los años de las dos guerras mundiales no pudieron tener lugar los Congresos de Esperanto.

Los esperantistas recuerdan ese año de 1905 (además del mencionado 1887) como una de las primeras principales fechas de la lengua y su comunidad.



Maldekstre: Doktoro Zamenhof, la Kreinto de Esperanto, kaj lia edzino.

Malsupre: Grupa foto de la gekongresanoj de 1905.

Izquierda: El Doctor Zamenhof, creador del Esperanto, y su esposa.

Abajo: Foto de grupo de los congresistas de 1905



Jen ni transskribas ĉi-sube la finaĵon de la interveno de Zamenhof en la unua Kongreso. Tiu interveno finiĝas per la fama preĝo. Bedaŭrinde, en la hispanlingva tradukaĵo, sufiĉe laŭlitera, perdiĝas la poezia valoro de la Esperant-lingva preĝo verkita de Zamenhof.

*Baldaŭ komenciĝos la laboroj de nia kongreso, dediĉita al vera fratiĝo de la homaro. En tiu ĉi solena momento mia koro estas plena de io nedifinebla kaj mistera, kaj mi sentas la deziron faciligi la koron per ia preĝo, turni min al iu plej alta forto kaj alvoki ĝian helpon kaj benon. Sed tiel same kiel mi en la nuna momento ne estas ia naciano, sed simpla homo, tiel same mi ankaŭ sentas, ke en tiu ĉi momento mi ne apartenas al ia nacia aŭ partia religio, sed mi estas nur homo. Kaj en la nuna momento staras inter miaj animaj okuloj nur tiu alta morala Forto, kiun sentas en sia koro ĉiu homo, kaj al tiu ĉi nekonata Forto mi turnas min kun mia preĝo:*

**Al Vi, ho potenca senkorpa mistero,**
**Fortego, la mondon reganta,**
**Al Vi, granda fonto de l' amo kaj vero**
**Kaj fonto de vivo konstanta,**
**Al Vi, kiun ĉiuj malsame prezentas,**
**Sed ĉiuj egale en koro Vin sentas,**
**Al Vi, kiu kreas, al Vi, kiu reĝas,**
**Hodiaŭ ni preĝas.**

**Al Vi ni ne venas kun kredo nacia,**
**Kun dogmoj de blinda fervoro ;**
**Silentas nun ĉiu disput' religia**
**Kaj regas nur kredo de koro.**
**Kun ĝi, kiu estas ĉe ĉiuj egala,**
**Kun ĝi, la plej vera, sen trudo batala,**
**Ni staras nun, filoj de l' tuta homaro**
**Ĉe via altaro.**

**Homaron Vi kreis perfekte kaj bele,**
**Sed ĝi sin dividis batale ;**
**Popolo popolon atakas kruele,**
**Frat' fraton atakas ŝakale.**
**Ho, kiu ajn estas Vi, forto mistera,**
**Aŭskultu la voĉon de l' preĝo sincera,**
**Redonu la pacon al la infanaro**
**De l' granda homaro !**

**Ni ĵuris labori, ni ĵuris batali,**
**Por reunuigi l' homaron.**
**Subtenu nin, Forto, ne lasu nin fali,**
**Sed lasu nin venki la baron ;**
**Donacu Vi benon al nia laboro,**
**Donacu Vi forton al nia fervoro,**
**Ke ĉiam ni kontraŭ atakoj sovaĝaj**
**Nin tenu kuraĝaj.**

**La verdan standardon tre alte ni tenos :**
**Ĝi signas la bonon kaj belon.**
**La Forto mistera de l' mondo nin benos,**
**Kaj nian atingos ni celon.**
**Ni inter popoloj la murojn detruos,**
**Kaj ili ekkrakos kaj ili ekbruos**
**Kaj falos por ĉiam, kaj amo kaj vero**
**Ekregos sur tero.**

Transcribimos aquí abajo el final de la intervención de Zamenhof en el primer Congreso. Esa intervención termina por la famosa oración. Lamentablemente, en la traducción española, bastante literal, se pierde el valor poético de la oración en Esperanto compuesta por Zamenhof.

*Pronto comenzarán los trabajos de nuestro congreso, dedicado a un verdadero hermanamiento de la humanidad. En este solemne momento mi corazón está lleno de algo indefinible y misterioso, y siento el deseo de descargar el corazón con una oración, volverme a la más alta fuerza e invocar su ayuda y bendición. Pero así como yo en este momento no soy miembro de una nación, sino un simple hombre, igualmente siento también que en este momento no pertenezco a una religión nacional o partidaria, sino que soy sólo un hombre. Y en este momento se yergue entre los ojos de mi alma sólo esa alta Fuerza moral, que siente en su corazón cada hombre, y a esta Fuerza desconocida me dirijo con mi oración:*

**A Ti, oh potente mistero incorpóreo,**
**Gran Fuerza, que gobierna el mundo,**
**A Ti, gran fuente del amor y verdad**
**Y fuente de vida constante,**
**A Ti, a quien todos presentan distinto,**
**Pero todos en el corazón Te sienten igual,**
**A Ti, que creas, a Ti, que reinas,**
**Hoy rezamos.**

**A Ti no venimos con un credo nacional,**
**Con dogmas de fervor ciego;**
**Calla ahora toda disputa religiosa**
**Y rige sólo un credo de corazón.**
**Con él, que es en todos igual,**
**Con él, el más verdadero, sin imposición violenta,**
**Estamos ahora, hijos de toda la humanidad**
**Ante tu altar.**

**Creaste la humanidad perfecta y bellamente,**
**Pero ella se dividió luchando;**
**Los pueblos se atacan cruelmente,**
**Los hermanos se atacan como chacales.**
**Oh, quienquiera que sea, fuerza misteriosa,**
**Escucha la voz de la oración sincera,**
**Devuelve la paz a infancia**
**De la gran humanidad !**

**Juramos trabajar, juramos batallar,**
**Para reunificar a la humanidad.**
**Sostennos, Fuerza, no nos dejes caer,**
**Déjanos vencer los obstáculos;**
**Otorga Tu bendición a nuestro trabajo,**
**Otórgale fuerza a nuestro fervor,**
**Que siempre, contra los ataques salvajes**
**Resistamos valientes.**

**Sostendremos muy alto el verde estandarte:**
**Él simboliza lo bueno y lo bello.**
**La Fuerza misteriosa del mundo nos bendecirá,**
**Y alcanzaremos nuestro objetivo.**
**Destruiremos los muros entre los pueblos,**
**Y reventarán con estruendo**
**Y caerán para siempre, y el amor y la verdad**
**Empezarán a reinar en la Tierra.**

# Bulonja Deklaracio 1905 Declaración de Boulogne

Deklaracio pri la esenco de Esperantismo.
La ĉi-suba teksto estas la deklaracio adoptita en la lasta laborkunveno la 9an de aŭgusto 1905 okaze de la unua Universala Kongreso de Esperanto en Bulonjo-ĉe-Maro.
Ĝi entenas 5 paragrafojn. Ĝi memorigas, ke la Lingvo Internacia estas nenies propraĵo inkluzive de ties iniciatinto Zamenhof, sed ke ĝi estas ĉies propraĵo inkluzive de la homaro. La deklaracio fine apartigas esperantismon de ĉia ideologio kaj ĉia religio.
Tiu deklaracio restas unu el la plej gravaj faritaĵoj en la Kongreso de Bulonjo.

LA ESPERANTISMO estas penado disvastigi en la tuta mondo la uzadon de lingvo neŭtrale homa, kiu **ne entrudante sin en la internan vivon de la popoloj kaj neniom celante elpuŝi la ekzistantajn lingvojn naciajn**, donus al la homoj de malsamaj nacioj la eblon kompreniĝadi inter si, kiu povus servi kiel paciga lingvo de publikaj institucioj en tiuj landoj, kie diversaj nacioj batalas inter si pri la lingvo, kaj en kiu povus esti publikigataj tiuj verkoj, kiuj havas egalan intereson por ĉiuj popoloj. Ĉiu alia ideo aŭ espero, kiun tiu aŭ alia esperantisto ligas kun la esperantismo, estas lia afero pure *privata*, por kiu la esperantismo ne respondas.

ĈAR EN LA NUNA TEMPO neniu esploranto en la tuta mondo jam dubas pri tio, ke lingvo internacia povas esti nur lingvo *arta*, kaj ĉar el ĉiuj multegaj provoj, faritaj en la daŭro de la lastaj du centjaroj, ĉiuj prezentas nur teoriajn projektojn, kaj lingvo efektive finita, ĉiuflanke elprovita, perfekte vivipova kaj en ĉiuj rilatoj pleje taŭga montriĝis nur unu sola lingvo, Esperanto, tial la amikoj de la ideo de lingvo internacia, konsciante, ke teoria disputado kondukos al nenio kaj ke la celo povas esti atingita nur per laborado praktika, jam de longe ĉiuj grupiĝis ĉirkaŭ la sola lingvo *Esperanto* kaj laboras por ĝia disvastigado kaj riĉigado de ĝia literaturo.

Declaración sobre la esencia del Esperantismo.
El texto de abajo es la declaración adoptada en la última reũnión de trabajo el 9 de Agosto 1905 con ocasión del primer Congreso Universal de Esperanto en Bulogne-sur-Mer.
Contiene 5 párrafos. Recuerda que la Lengua Internacional no es propiedad de nadie, ni siquiera de su iniciador Zamenhof, pero que es una propiedad de todos, incluso la humanidad. La declaración finalmente separa el esperantismo de toda ideología y toda religión.
Esa delaración es considerada uno de los más importantes hechos del Congreso de Bulogne.

EL ESPERANTISMO es un esfuerzo por difundir en todo el mundo el uso de un idioma neutralmente humano, que **no entrometiéndose en la vida interna de los pueblos y no intentando nada para suplantar las lenguas nacionales existentes**, daría a las personas de distintas naciones la posibilidad de comprenderse entre sí, que podría servir como una lengua pacificadora de instituciones públicas en los países, donde diversas naciones luchan entre sí por el idioma, y en la que podrían ser publicadas las obras que tengan un interés igual para todos los pueblos. Cualquier otra idea o esperanza, que tal o cual esperantista liga con el esperantismo, es asunto suyo puramente privado, del cual el esperantismo no responde.

YA QUE ACTUALMENTE ningún investigador del mundo duda que sólo una lengua *artificial* puede ser internacional, y dado que las muchas pruebas hechas en los dos últimos siglos, presentan sólo proyectos teóricos, y que una lengua efectivamente acabada, probada en todos aspectos, perfectamente viable y la más apropiada a todos efectos se mostró sólo en un único idioma, el Esperanto, es por lo que los partidarios de la idea de una lengua internacional, conscientes, de que la discusión teórica no llevaría a ninguna parte y que el objetivo se puede alcanzar sólo por el trabajo práctico, desde hace mucho se agruparon en torno a la única lengua *Esperanto* y trabaja por su difusión y el enriquecimiento de su literatura.

ĈAR LA AŬTORO de la lingvo Esperanto tuj en la komenco rifuzis unu fojon por ĉiam ĉiujn personajn rajtojn kaj privilegiojn rilate tiun lingvon, tial Esperanto estas **nenies propraĵo**, nek en rilato materiala, nek en rilato morala. Materiala mastro de tiu ĉi lingvo estas la tuta mondo kaj ĉiu deziranto povas eldonadi en aŭ pri tiu ĉi lingvo ĉiajn verkojn, kiajn li deziras, kaj uzadi la lingvon por ĉiaj eblaj celoj;

YA QUE EL AUTOR de la lengua Esperanto ya desde el comienzo renunció de una vez para siempre a todos los derechos personales y privilegios con relación a ese idioma, por eso el Esperanto no es **propiedad de nadie**, ni en el aspecto material, ni en el moral. Dueño material de esta lengua es todo el mundo y todo el que lo desee puede editar en o acerca de esta lengua todas las obras que quiera, y usar la lengua para todo tipo de objetivos posibles;

ESPERANTO havas neniun personan leĝdonanton kaj dependas de neniu aparta homo. Ĉiuj opinioj kaj verkoj de la kreinto de Esperanto havas, simile al la opinioj kaj verkoj de ĉiu alia esperantisto, karakteron absolute *privatan*. La sola unu fojon por ĉiam deviga por ĉiuj esperantistoj fundamento de la lingvo Esperanto estas la verketo **Fundamento de Esperanto**, en kiu neniu havas la rajton fari ŝanĝon. Se iu dekliniĝas de la reguloj kaj modeloj donitaj en la dirita verko, li neniam povas pravigi sin per la vortoj "tiel deziras aŭ konsilas la aŭtoro de Esperanto". Ĉiun ideon, kiu ne povas esti oportune esprimata per tiu materialo, kiu troviĝas en la **Fundamento de Esperanto**, ĉiu esperantisto havas la rajton esprimi en tia maniero, kiun li trovas la plej ĝusta, tiel same, kiel estas farate en ĉiu alia lingvo. Sed pro plena unueco de la lingvo al ĉiuj esperantistoj estas rekomendate imitadi kiel eble plej multe tiun stilon, kiu troviĝas en la verkoj de la kreinto de Esperanto, kiu la plej multe laboris por kaj en Esperanto kaj la plej bone konas ĝian spiriton.

EL ESPERANTO no tiene nigún legislador personal y no depende de ninguna persona aislada. Todas las opiniones y obras del creador del Esperanto tienen, al igual que las opiniones y obras de cualquier otro esperantista, un carácter absolutamente *privado*. El único fundamento de la lengua Esperanto obligatorio para todos los esperantistas de una vez para siempre esperantistoj es la pequeña obra **Fundamento de Esperanto**, en la que nadie tiene derecho a introducir cambios. Si alguien se aparta de las reglas y modelos aportados en la citada obra, no podrá nunca justificarse diciendo "así lo quiere o aconseja el autor del Esperanto". Toda idea, que no pueda ser oportunamente expresada por ese material, que se encuentra en el **Fundamento de Esperanto**, todo esperantista tiene derecho a expresarla de tal manera, que a él le parezca la más apropiada, lo mismo que ocurre en cualquier otro idioma. Pero para la completa unicidad de la lengua a todos los esperantistos se recomienda imitar lo más posible el estilo que se encuentra en las obras del creador del Esperanto, que fue el que más trabajó en y para el Esperanto y el que mejor conoce su espíritu.

ESPERANTISTO estas nomata ĉiu persono, kiu scias kaj uzas la lingvon Esperanto, tute egale por kiaj celoj li ĝin uzas. Apartenado al ia aktiva societo esperantista por ĉiu esperantisto estas rekomendinda, sed ne deviga.

En Bulonjo-ĉe-Maro, Francio,
Aŭguston 1905.

ESPERANTISTA es llamada toda persona, que sabe y usa la lengua Esperanto, sea cual sea el objetivo para el que lo use. La pertenencia a alguna asociación esperantista activa es recomendable para todo esperantista, pero no obligatoria.

En Bulogne-sur-Mer, Francia,
Agosto 1905.



# La revuo ESPERANTO estas 100-jara

# La revista ESPERANTO es centenaria

La revuo **ESPERANTO**, nuna organo de Universala Esperanto-Asocio, iĝis 100-jara. La unua numero aperis la 18an de junio 1905 en Ceret, Francio. Tiam ĝi aspektis tre malsame ol nun: ĝi estis grandformata, dulingva, Esperanta kaj franca, kaj ne havis bildojn. Sed plej rimarkebla estas ke tiam la revuo ne apartenis al UEA: ĝia fondinto estis la juna franca anarkisto Paul Berthelot. Sed du jarojn poste li transdonis la revuon al Hector Hodler en Ĝenevo.

La revuo iĝis la organo de UEA, kiam Hodler fondis tiun asocion en 1908, kaj de tiam aperis preskaŭ seninterrompe. Hodler, krome, verkis multajn artikolojn de la revuo antaŭ la unua mond-milito. Poste, ĝis 1934, oftis la kontribuaĵoj de sia tiama redaktoro, Edmond Privat, pri nova mond-ordo.

Alia redaktoro dum multaj jaroj estis Hans Jakob, kiu frue avertis en la revuo kontraŭ la nazia danĝero. Sed la konstanta celo de la revuo estis la serĉado de la plej taŭga strategio por diskonigi Esperanton en la publiko.

Tiu revuo estas ne nur la plej malnova, sed ankaŭ la plej grava periodaĵo de la Esperanto-movado. La revuoj en Esperanto apartenas al du grupoj: Tiuj POR kaj PER, t.e. La gazetoj POR estas tiuj kiuj agadas favore al la disvastiĝo de la Internacia Lingvo. Male, la revuoj PER estas tiuj kiuj uzas Esperanton, kiel esprimilo, por aliaj celoj. Kompreneble, ne mankas la E-periodaĵoj kiuj kombinas ambaŭ aspektoj. Sed tiurilate, nuntempe ESPERANTO apartenas al la unua grupo, la POR-Esperantaj aŭ Esperant-favoraj, sen dediĉiĝo al alia celo. Tamen eĉ la Esperantistoj kiuj ne aktivas en la Movado povas, dank' al tiu revuo esti ĝustatempe informitaj pri ĉiu nova esperantlingva libro laste eldonita.

La revista **ESPERANTO**, actual órgano de la Asociación Universal de Esperanto, se hizo centenaria. El primer número salió el 18 de junio 1905 en Ceret, Francia. Entonces era muy distinta de hoy: era de gran formato, bilingüe, Esperanto y francés, y sin imágenes. Pero sobre todo, la revista entonces no pertenecía a UEA: su fundador era el joven anarquista francés Paul Berthelot. Pero dos años después la transpasó a Hector Hodler en Génova.

La revista se hizo de UEA, cuando Hodler creó a ésta en 1908, y desde entonces salió casi sin cesar. Hodler, además, escribió muchos artículos antes de la primera guerra mundial. Después, hasta 1934, abundaron los trabajos de su entonces redactor, Edmond Privat, sobre un nuevo orden mundial.

Otro redactor durante muchos años fue Hans Jakob, que advirtió temprano en la revista contra el peligro nazi. Pero la constante vocación de la revista fue la búsqueda de la mejor estrategia para difundir el Esperanto en el público.

Esa revista es no sólo la más antigua sino también la más importante del Mov. Esperantista. Las revistas en Esperanto son de dos tipos: PARA y POR; las revistas PARA son las que actúan a favor de la difusión de la Lengua Internacional. Por contra, las revistas POR usan el Esperanto como medio para otros fines. Por supuesto, no faltan las gazetas de Esperanto que combinan ambos tipos. Pero a este respecto, en la actualidad ESPERANTO pertenece al primer tipo, el PARA-Esperanto o a favor del Esperanto, sin dedicación a otro fin. No obstante incluso los esperantistas sin actividad en el mov. Pueden, gracias a esa revista, informarse oportunamente de cada nueva edición de un libro en Esperanto.

# La sekreta agendo en Irakio



# La agenda oculta en Irak

**Noam Chomsky**

Per sia diskurso de la 28a de junio, la prezidento Georgo W. Bush deklaris ke la invado al Irakio estas parto de la "ĝenerala milito kontraŭ la terorismo" kiun estas plenumante Usono. Reale, kiel antaŭvidite, la invado pligrandigis la teroro-minacon, eble signifmaniere.

Duon-veroj, erara informacio kaj sekretaj agendoj signis la oficialajn deklaraciojn pri la kialoj de Usono por invadi Irakion.

La ĵusaj riveloj pri la pretiĝo por la milito en Irakio enfaziĝas klarmaniere meze de la ĥaoso kiu ruinigas la landon kaj minacas la regionon kaj, fakte, la tutan mondon.

En la jaro 2002 Usono kaj GrandBritio proklamis sian rajton invadi Irakion, tial ke laŭ iliaj asertoj tiu lando estis disvolvante armilojn por amasa detruado. Tiu estis la "unusola afero", kiel konstante deklaris Bush, la kanceliero Tony Blair kaj iliaj proksimuloj. Ĝi estis ankaŭ la sola bazo sur kiu Bush ricevis permeson de la Kongreso por uzi perforton.

La respondo al la "unusola afero" estis donite iomete da tempo post la invado kaj nebonvole agnoskita: la armiloj de amasa detruado ne ekzistis. Baldaŭ, la registaro kaj la doktrino-faraj sistemoj de la presaro inventis novajn pretekstojn kaj pravigilojn por subteni la militon.

"La usonanoj ne volas pensi ke ili estas agresantoj, sed kio okazis en Irakio estis kruda agreso", deklaris la analisto de la nacia inteligento kaj sekureco John Prados en sia libro *Hoodwinked* (2004), iu trafa kaj ampleksa ekzameno de la dokumentoj uzitaj por pravigi la invadon.

En su discurso del 28 de junio, el presidente George W. Bush señaló que la invasión a Irak formó parte de la "guerra global contra el terrorismo" que está librando Estados Unidos. En realidad, tal como se había anticipado, la invasión aumentó la amenaza de terror, tal vez de manera significativa.

Verdades a medias, información errónea y agendas ocultas han distinguido las declaraciones oficiales acerca de los motivos de Estados Unidos para invadir Irak.

Las recientes revelaciones acerca de los preparativos para la guerra en Irak se destacan de manera descarnada en medio del caos que devasta el país y amenaza la región y realmente al mundo.

En 2002 Estados Unidos y Gran Bretaña proclamaron su derecho a invadir Irak, pues según aseguraban estaba desarrollando armas de destrucción masiva. Esa era la "única cuestión", tal como señalaron de manera constante Bush, el primer ministro Tony Blair y sus allegados. Fue también la única base sobre la que Bush recibió autorización del Congreso para apelar a la fuerza.

La respuesta a la "única cuestión" fue dada poco después de la invasión y admitida con renuencia: las armas de destrucción masiva no existían. Sin perder un momento, el gobierno y los sistemas doctrinarios de la prensa inventaron nuevos pretextos y justificaciones para ir a la guerra.

"Los estadunidenses no desean pensar que son agresores, pero lo que ocurrió en Irak fue una agresión descarada", señaló el analista de inteligencia y seguridad nacional John Prados en su libro *Hoodwinked* (2004), un cuidadoso y amplio examen de los documentos utilizados para justificar la invasión.

Prados priskribas "la skemon" uzita de Bush "por konvinki Usonon kaj la mondon pri tio ke la milito kontraŭ Irakio estis necesa kaj urĝa", kiel iu "studo-modelo de la malhonesteco de la registaro (...) kiu bezonis publikajn deklarojn klare mensogaj kaj ia enorma manipulado de la informoj de la inteligento-servo".

La memorando de Downing Street publikigita la unuan de majo en el *Sunday Times* de Londono, kune kun aliaj konfidencaj dokumentoj ĵus rivelitaj, profundigis la rekordon pri falseco.

La memorando rezultis de iu kunveno de la primilita kabineto de Blair la 23an de julio de 2002, en kiu Richard Dearlove, tiama ĉefo de la brita inteligento-servo MI6, formulis la nuntempe fama aserto ke "la informoj de la inteligento-servo kaj la faktoj estas aranĝitaj surbaze de la politiko" militi kontraŭ Irakio.

En el memorando oni mencias ankaŭ la britan secretarion pri Defendo Geoff Hoon, kiu indikis ke "Usono entreprenis 'agad-stimulojn' celante premi la reĝimon" de Saddam Hussein.

La brita ĵurnalisto Michael Smith, kiu rivelis la historion de la memorando, aportis detalojn pri ties kunteksto kaj enhavo per sekvintaj artikoloj. La "agad-stimuloj" enhavis, ŝajne, iu aera kampanjo de la koalicio, celante provoki Irakion kaj okazigi ian reagon de la reĝimo de Bagdad kiu povus esti taksata kiel *casus belli*.

La ĉas-aviadiloj komencis bombardi la sudon de Irakio en majo de 2002, ĵetante po 10 tunojn da eksplodaĵoj ĉiumonate, laŭ ciferoj de la brita registaro. Iu speciala "stimulo" komenciĝis fine de aŭgusto (por iu totala kvanto de 54.6 tunoj da bomboj en septembro).

"Alivorte, Bush kaj Blair komencigis sian militon ne en marto de 2003, kiel ĉiuj supozas, sed fine de aŭgusto de 2002, ses monatoj antaŭ ol la Kongreso

Prados describe "el esquema" usado por Bush "para convencer a Estados Unidos y al mundo de que la guerra contra Irak era necesaria y urgente", como un "estudio-modelo de la deshonestidad del gobierno (...) que requirió declaraciones públicas claramente mentirosas y una egregia manipulación de los datos de inteligencia".

El memorando de Downing Street publicado el primero de mayo en el *Sunday Times* de Londres, junto con otros documentos confidenciales recién divulgados, han profundizado el récord de falsedades.

El memorándum fue resultado de una reunión del gabinete de guerra de Blair el 23 de julio de 2002, en el que Richard Dearlove, en esa época jefe del servicio de inteligencia británica MI6, formuló la ahora célebre aseveración de que "los datos de inteligencia y los hechos están siendo arreglados en torno a la política" de ir a la guerra contra Irak.

En el memorando también se cita al secretario de Defensa británico Geoff Hoon, quien indicó que "Estados Unidos ha iniciado 'estímulos de actividad' para presionar al régimen" de Saddam Hussein.

El periodista británico Michael Smith, quien divulgó la historia del memorándum, ha brindado detalles sobre su contexto y contenido en artículos subsiguientes. Los "estímulos de actividad" incluyeron, al parecer, una campaña aérea de la coalición, con el fin de provocar a Irak y causar una reacción del régimen de Bagdad que pudiese juzgarse *casus belli*.

Los cazas comenzaron a bombardear el sur de Irak en mayo de 2002, lanzando unas 10 toneladas de explosivos al mes, según cifras del gobierno británico. Un "estímulo" especial comenzó a finales de agosto (para un total de 54.6 toneladas de bombas en septiembre).

"En otras palabras, Bush y Blair comenzaron su guerra no en marzo de 2003, como todos suponen, sino al final de agosto de 2002, seis meses antes de que el Congreso aproba-

aprobis la milita agado kontraŭ Irakio", skribis Smith.

La atakoj estis prezentitaj kiel defenda agado, por protekti la aviadilojn de la koalicio en la subkontrola zono. Irakio plendis antaŭ la Unuigitaj Nacioj, sed ne falis en la trompo agadi reprezalie.

Por la militistaj plano-faristoj de Usono kaj la Unuiĝinta Regno, invadi Irakion estis una pli altranga celo ol la "milito kontraŭ la terorismo". Tio estis rivelita de siaj propraj inteligent-agentejoj.

En la antaŭtagoj de la aliancana invado, iu sekreta informo de la Nacia Konsilio de Inteligento, la centro de la inteligent-komunumo por la strategia planado, "prognozis ke invado gvidita de Usono kapablus pligrandigi la apogon al la islamisma politiko kaj rezultigus ian irakian socion profunde dividitan, inklina al perforta interna konflikto", laŭ informis Douglas Jehl kaj David E. Sanger, de *The New York Times*, pasintan septembron.

En decembro de 2004, indilis Jehl post kelkaj semajnoj, la Nacia Konsilio de Inteligento avertis: "Irakio kaj aliaj eblaj konfliktoj estonte povos provizi rekrutadon, instruad-kampojn, teknikan lertecon kaj lingvo-kapablon por ia nova klaso de teroristoj kiuj estas sin 'profesiigante' kaj por kiuj la politika perforto fariĝis celo per si mem".

La preteco de la ĉefaj plano-faristoj por riski ian pligrandiĝon de la terorismo ne signifas ke ili bonvenigas tiajn sekvojn, sed ke ili ne asignas altan prioritaton al la afero, kompare al aliaj celoj, kiaj kontroli la ĉefajn prienergiajn rimedojn de la mondo.

Malmulte da tempo post la invado al Irakio, Zbigniew Brzezinski, iu el la plej ruzaj analizistoj kaj plano-faristoj, indikis en la specialigita revuo *National Interest* ke la usona kontrolo de Mez-

ra la acción militar contra Irak", escribió Smith.

Los ataques fueron presentados como acción defensiva, para proteger a aviones de la coalición en la zona de exclusión. Irak protestó ante Naciones Unidas, pero no cayó en la trampa de buscar represalias.

Para los planificadores militares de Estados Unidos y del Reino Unido, invadir Irak fue una prioridad más alta que la "guerra contra el terrorismo". Eso ha sido revelado por sus propias agencias de inteligencia.

En vísperas de la invasión aliada, un informe secreto del Consejo Nacional de Inteligencia, el centro de la comunidad de inteligencia para la planificación estratégica, "pronosticó que una invasión encabezada por Estados Unidos podía incrementar el apoyo a la política islámica y tendría como resultado una sociedad iraquí profundamente dividida, proclive a un violento conflicto interno", informaron Douglas Jehl y David E. Sanger, de *The New York Times*, en septiembre pasado.

En diciembre de 2004, señaló Jehl algunas semanas más tarde, el Consejo Nacional de Inteligencia advirtió: "Irak y otros posibles conflictos en el futuro pueden proveer reclutamiento, campos de adiestramiento, destreza técnica y competencia en el lenguaje para una nueva clase de terroristas que están siendo 'profesionalizados' y para quienes la violencia política se ha convertido en un fin en sí mismo".

La disposición de los principales planificadores para arriesgar un incremento del terrorismo no significa que den la bienvenida a esas consecuencias. Lo que indica es que no brindan alta prioridad a la cuestión, en comparación con otros objetivos, tales como controlar los principales recursos energéticos del mundo.

Poco después de la invasión a Irak, Zbigniew Brzezinski, uno de los más astutos analistas y planificadores, indicó en la revista especializada *National Interest* que el con-

Oriento "provizas nerektan sed tamen gravan politikan influon sur la ekonomioj de Eŭropo kaj de Azio, kiuj dependas, ankaŭ ili, de la exportado de nafto de la regiono".

Se Usono kapabls plu-teni sian kontrolon sur Irakio, kiu duarangas inter la landoj enhavantajn la plej grandajn rezervojn el nafto en la mondo kaj situas en la centro de la ĉefaj prienergiaj rimedoj el la planedo, tio pligrandigos signif-maniere sian strategian povon e influo sur siaj ĉefaj kokurantoj en la tripolusa mondo, kiu iompostiom formiĝadis dum la lastaj 30 jaroj: Norda Ameriko, superregata de Usono, Eŭropo kaj la Azia nord-ŭesto, ligita kun la ekonomioj de la sudo kaj la sudeste de Azio.

Temas pri iu racia kalkulo, bazita sur la supozo ke la homa supervivado ne multe gravas kompare al la atingo de profito kaj povo kurta-tempe. Kaj tio ntute ne estas novaĵo. Tiuj temos resonas tra la historio. La diferenco nuntempe, en tiu ĉi epoko de nukleaj armiloj, estas ke la risgo estas multe pli granda.

trol estadounidense del Medio Oriente "brinda indirecta pero importante influencia política sobre las economías de Europa y de Asia, que también dependen de las exportaciones de combustible de la región".

Si Estados Unidos puede mantener su control sobre Irak, que figura en segundo lugar entre los países con mayores reservas de crudo del mundo y está situado en el centro de los principales recursos energéticos del planeta, eso aumentará de manera significativa su poder estratégico e influencia sobre sus principales rivales en el mundo tripolar, que se ha ido formando durante los últimos 30 años: América del Norte, dominada por Estados Unidos, Europa y el noreste de Asia, vinculada con las economías del sur y el sureste de Asia.

Es un cálculo racional, basado en la presunción de que la sobrevivencia humana no es muy importante en comparación con la obtención de ganancias y de poder a corto plazo. Y eso no es nada nuevo. Esos temas resuenan a través de la historia. La diferencia en la actualidad, en esta época de armas nucleares, es que los riesgos son muchísimo mayores.






ç

# KUIRANTE KUN PILAR

# COCINANDO CON PILAR

# Paeljo de mar-estaĵoj



# Paella de marisco

## Ingrediencoj *(por kvar personoj)*

600 gr. da rizo
600 gr. da pandaloj
300 gr. da salikotetoj
300 gr. de salikotoj
600 gr. da lofio-pecetoj
2 maturaj tomatoj muelitaj
3 litroj da fiŝ-buljono
2 muelitaj ajleroj
1 kulereto da papriko
safran-fadenoj
pura oliv-oleo
salo

## Ellaborado

Meti la paeljon ĉe la fajro kaj aldoni la oliv-oleon. Varmiĝinte, enmeti la pandalojn, la salikotetojn kaj la salikotojn. Iomete friteti ĉion kaj demeti el la paeljo, lasante ĝin aparte, atendante.

Aldoni la ajlon, la paprikon kaj la muelitan tomaton frititan. Meti poste la lofion kaj friteti dum iomete da tempo. Aldoni la rizon kaj friti dum du minutoj, antaŭ la enkonduko de la fiŝ-buljono kaj iuj fadenoj je safrano. Lasi ĝin boli ĉe ne tre lanta fajro dum 10 aŭ 12 minutoj. Kontroli la prporcio de la salo.

Ornami per ĉiuj marestaĵoj kaj fine kuiri Ĉion dum pliaj kvin minutoj (proksimume). Lasi ripozi ĉion dum kromaj kvin minutoj antaŭ la servado.

## Ingredientes *(para 4 personas)*

600 gr. de arroz
600 gr. de cigalas
300 gr. de gambas
300 gr. de langostinos
600 gr. de rape en trozos pequeños
2 tomates madurados triturados
3 litros de caldo de pescado
2 dientes de ajo picado
1 cucharadita de pimentón
azafrán en hebras
aceite de oliva virgen
sal

## Elaboración

Poner la paella al fuego y añadir el aceite de oliva. Cuando esté caliente, introducir las cigalas, las gambas y los langostinos. Sofreír todo un poco y sacar de la paella, dejándolo aparte. Reservar.

Añadir el ajo, el pimentón y el tomate triturado. Poner después el rape y sofreír un poco. Añadir el arroz y freír durante dos minutos, antes de incorporar el caldo de pescado y unas hebras de azafrán. Dejar hervir a fuego no muy lento durante 10/12 minutos. Comprobar el punto de sal.

Decorar con todo el marisco y terminar de cocinar durante 5 minutos más (aproximadamente). Dejar reposar otros 5 minutos más antes de servir.

# ACID-HUMORO    HUMOR ÁCIDO

ANUNCIO DE LINEAS AÉREAS USA
NUEVO SERVICIO DIRECTO A IRAK
ANONCO DE USONAJ AER-LINIOJ
NOVA SERVO REKTE AL IRAKIO
























HAY CHAPUZAS QUE DEBEN IR A LA BASURA Y REPETIR EL TRABAJO
ESTAS FUŜAĴOJ INDAJ NUR POR RUBUJO KAJ REKOMENCI LA LABORON

## Florenco atendas vin

## Florencia te espera

## Universala Kongreso de Esperanto 2006




## Congreso Universal de Esperanto 2006

**La Universala Kongreso de Esperanto estas la plej granda ĉiu-jara monda kunveno de la parolantoj de la internacia lingvo Esperanto.**
**La internacia lingvo Esperanto estas la lingvo por paco kaj kunlaboro inter la popoloj de la mondo en spirito de egaleco.**
**La Estraro de UEA akceptis la inviton de Itala Esperanto-Federacio okazigi la 91-an Universalan Kongreson de Esperanto en Florenco de la 29-a de julio ĝis la 5-a de aŭgusto 2006.**
**Italiaj esperantistoj jam komencis labori por ke la kongreso estu memorinda kaj inda je tia kongresurbo, kaj espereble la okazo estos tre plaĉa por la geesperantistaj vizitantoj de tiu itala urbo.**

**El Congreso Universal de Esperanto es el mayor encuentro anual de los hablantes la lengua internacional Esperanto.**
**La lengua internacional Esperanto es el idioma para la paz y colaboración entre los pueblos del mundo en un espíritu de igualdad.**
**La Dirección de UEA aceptó la invitación de la Federación Italiana de Esperanto de celebrar el 91º Congreso Universal de Esperanto en Florencia del 29 de julio al 5 de agosto del 2006.**
**Esperantistas italianos ya comenzaron a trabajar para que el congreso sea memorable y digno de tal ciudad congresual, y es de esperar que la ocasión será muy agradable para los esperantistas que visiten esa ciudad italiana.**